ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. HODLER. — Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. — Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
Adreso de la Redakcio kaj Administracio : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



# Fino de la Helsinki-kontrakto

Brile sukcesis la Pariza kongreso kun 1700 partoprenintoj. El diversaj landoj venis karavanoj kaj aŭdiĝis la sono de nia lingvo tra multaj lokoj survoje.

Dum la kongresanoj ĝuis la festojn kaj prelegojn en Parizo, la reprezentantoj de grandnaciaj esperanto-societoj, sidantaj en Konstanta Reprezentantaro decidis per plimulto nuligi la kontrakton de Helsinki kaj krei novan organizon, starigotan de komisiono, kiun ili elektis.

Kun tiu subita decido nek UEA, nek pluraj naciaj societoj konsentis. La esperantistaro do revenas al la stato, kiun ĝi konis dum longaj jaroj, kiam ĉiu kongreso fariĝis kampo de senfinaj diskutoj pri organizo de la movado.

Post la mondmilito la kontrakto de Helsinki havigis al nia movado kelkajn jarojn da paca laborado kaj liberiĝo el tiuj disputoj kaj ĵaluzoj inter komitatoj aŭ oficejoj. La atento kaj klopodo turniĝis al internaciaj propagandaj entreprenoj kaj uzo de nia lingvo per teknikaj konferencoj.

Certe la kontrakto de Helsinki ne estis perfekta aranĝo. Tamen ĝi savis la memstarecon de la naciaj societoj kaj de UEA ebligante ilian kunlaboradon. Dum la unuaj jaroj UEA havigis la financan bazon al la nove kreita ICK ĝis kiam la naciaj societoj iom post iom kutimiĝis je internacia kotizo. ICK organizis la kongresojn kaj starigis centron de informado por komunaj propagandaj celoj.

Nun tiu kontrakto estas nuligita. Dum kelkaj revas pri unika organizo kaj unika kotizo « oficiala », aliaj male plendas pri trograndigita kaj teda oficialeco.

Ĉiu reprenos sian liberecon. UEA refariĝos tiu vasta asocio de ĉiuj esperantistoj, deziremaj sekvi la idealon de Zamenhof ebligante lian lingvon servi per reciproka helpo de homoj al homoj trans ĉiuj landlimoj.

En epoko de malfacila krizo en 1908 nia Asocio savis la movadon kaj ĝi devos nun denove teni firme en tiu ne pli facila krizo ekonomia kaj organiza.

Ĝi bazas sur libera kotizado de esperantistoj komprenantaj la celon de nia afero. Nia lingvo bezonas ĝian jarlibron same kiom ĝi bezonas sian propran deksesregulan ŝlosilon.

Neniu ekstera povo rajtas decidi pri ĝia ekzisto. Trankvile kaj energie ĝi devos iri sian vojon kaj plifortigi sian agadon.

Ĝis nun estis ĉiam konsentite ke naciaj societoj estas utilaj por apartaj celoj de propagando laŭlingva. Sed se naciaj societoj mem preferas kunfandiĝi en universalan asocion, tiam UEA prezentas organizon pretan kaj spertitan, kiu ebligas tuj envicigi kursanojn en societon same internacian kiel nia lingvo mem.

La UEA-membroj en la Pariza kongreso kunsidis en granda nombro kaj konfirmis sian volon ne detrui solidan domon pro momenta fantazio. Kun ĉiuj naciaj societoj UEA estas preta kunlabori. La nuligo de la kontrakto de Helsinki nur detruas la postmilitan formon de tiu kunlaboro, sed ĝi neniel tuŝas UEA mem kiu de nun libere kaj kuraĝe reprenu sur sin la ŝarĝon de nia internacia movado, kies fundamenta kolono ĝi restas.

Al sia venonta propra kongreso UEA povos inviti ne nur siajn anojn, sed ankaŭ ĉiujn naciajn societojn deziremaj kunlabori. La mondo bezonas esperanton kaj forta universala asocio povas gvidi nin al sukceso.

Estas tre verŝajne, ke ĉiuj seriozaj homoj grupiĝos entuziasme ĉirkaŭ tiu asocio, kiu rifuzos perdi tempon je teoriaj diskutoj kaj certigos praktikan laboron sur la internacia kampo.

UEA nun alvokas ilin en siajn rangojn por daŭrigi kaj progresigi nian aferon senŝancele. Multaj el ni absolute rifuzas reveni al internaj politikaĵoj. Nia asocio kunigu kaj kunvenigu tiujn, kiuj volas uzi nian lingvon por homaj celoj en la spirito Zamenhofa. Tien la vojo estas klara.

Edmond Privat.

# La 24-a Universala Kongreso de Esperanto Parizo 1932

## Resumo kaj bilanco

Parizo kiel esperantista kongresurbo staras sub malfavora stelo : La brile anonciĝinta deka kongreso, kiu antaŭvidigis la partoprenon de pli ol 4000 kongresanoj malfermiĝis kaj fermiĝis la unuan de Aŭgusto 1914, ekkomenco de la granda militado.

La 24-a kongreso kies preparoj komenciĝis jam en la jaro 1930, havis la malŝancon okazi en tempo de la plej granda ekonomia kaj financa katastrofo, neniam konita. Fermo de landlimoj, preskaŭ same severa kiel dum la milito, malhelpoj sendi monon, senlaboreco, malaltigo de salajroj, kreskigo de la ĝeneralaj ŝarĝoj, vere nenio mankis por malebligi partoprenon eĉ al plej kuraĝaj kaj sindonaj samideanoj. La tasko de la Loka Kongresa Komitato ne estis facila kaj la lacaj vizaĝoj de la Parizaj organizantoj atestis pri tralaboritaj noktoj. Malgraŭ ĉio la nombro de aliĝintoj transpasis 1700 kaj la partopreno preskaŭ identiĝis kun la nombro de la aliĝoj. La elekto de l'latina kvartalo kiel kongresa centro estis bonega ideo kaj la aranĝoj, se ne perfektaj, pruvis la bonan volon de la Loka Kongresa Komitato nepre agrabligi la restadon en Parizo al la samideanaro. Antaŭ apero de la oficiala protokolo, ni penas informi la esperantistaron pri la plenumitaj laboroj kaj la rezultoj de la 24-a, kiu en la movado okupos specialan lokon.

*La kongreso de UEA*

okazis Mardon, la duan de Aŭgusto, je la 9a ĝis 12a en la granda salono de la kongresejo. Dank' al la atakoj de sinjoro Onnen, ĝi estis eksterordinare bone vizitita, de proksimume 350 personoj, inter ili eĉ nemembroj, scivolemaj kio okazos. Malfermis la kunvenon la prezidanto de UEA sinjoro Ed. Stettler per enkonduka parolado, en kiu li sinsekve tuŝis la ĉefajn laborojn de la Asocio, eblajn plibonigojn de la servoj kaj de la revuo ESPERANTO kaj esprimis la dankon al la multaj personoj, kiuj per kotizoj, donacoj kaj kuraĝigaj leteroj esprimis sian kontenton pri la laboroj de la Asocio.

Laŭ propono de la komitato la kongreso aklamis la elekton de Honoraj Membroj :

S-ron *M. Génermont*, longjara komitatano kaj nuna Delegito en Moulin sur Alliers, unua Delegito de UEA en Parizo,

S-inon *Alice Farges*, Eksdelegitino en Lyon. Plie oni transdonis honor-donacon de esperantista horloĝo kun dankesprimo al S-ro *Ginz*, urba ĉefdelegito en Praha, por fidela servado.

La raporto pri 1931, parte aperinta jam en *Esperanto*, ree aperis en broŝureto laŭ la malnova formo kaj serio de UEA-raportoj kaj estis dissendita al ĉiuj kongresanoj la 21an de Julio.

El la raporto estas citinda, ke la stato de la membraro (1932) atingis preskaŭ la saman altecon kiel en la jaro 1931 je sama epoko. (1931 : 7527 anoj pagintaj, 1932 : 7284 anoj pagintaj) sekve malkresko 243, certe regajnota dum la sekvontaj monatoj. Malkreskis la enspezoj pro la malvaloriĝo de dudeko da monoj, sed la budĝeto povas esti tenata. Ĝojige kreskis la nombro de subtenantoj, kiu atingis 520 pagintojn, kontraŭ 474 je sama epoko de l'antaŭa jaro.

La Asocio eldonis la libreton « Servaro de UEA » kiu trovis ĝeneralan aprobon. La Jarlibro 1932 aperis iom malfrue kaj malgraŭ ioma malgrandigo estis favore akceptita kun laŭdoj.

Pri la jaro 1933 la estraro esprimis la konvinkon, ke UEA trapasos la malfacilaĵojn kaj digne festos sian 25-an jubileon de ekzisto, la 28-an de Aprilo 1933.

*La likvido de l'atakoj kontraŭ U E A*

Dum la pasinta jaro Eks-Ĉefdelegito nederlanda de UEA, S-ro Onnen, dissendis presitajn cirkulerojn kontraŭ la estraro de la Asocio. La komisiono de UEA oficiale respondis kaj rifutis la pretendojn kaj asertojn. La kritikinto ne kontentiĝis kaj eldonis dum Julio broŝureton verdkoloran, en kiu reaperis la samaj kulpigoj kaj reaj kritikoj. Apud bagatelaj aferoj, eĉ ne indaj por diskuti publike, estis gravaj asertoj pri supozita misestrado, sole kulpa por la ŝajna malprogreso de la Asocio. La kritikinto opiniis elvoki per tio ĝeneralan esprimon de malfido kaj forblovon de la netaŭga estraro.

Kiam dum la kunveno venis lia parolvico li firmtenis el ĉio unu solan punkteton, nome, ke la kontrolo de la kaso ne okazis per banka reprezentanto (Statuto Art. 48) sed nur per librotenada eksperto. Ĝenerala rido de la aŭdantaro montris al li, kiel reagas la publiko. Al diversaj proponoj, ke kontrolo okazu per persono elektita de la kongreso, kompetenta pri tiaj aferoj, aŭdiĝis la deziro ke por ripari la malbonon, sinjoro Onnen mem iru Ĝenevon je sia kosto por sciiĝi mem pri la senfundeco de la asertoj. Klare kaj kompreneble al ĉiuj, la prezidanto de UEA prezentis la situacion kaj la tuta ĉeestantaro per vigla aplaŭdo esprimis la fidon al la estraro de la Asocio kaj kun danko al la verkinto akceptis la raporton pri 1931 kaj tiun por 1932 ĝis Junio. Sinjoro Onnen promesis ĉesigi siajn atakojn kaj petite de parolanto, ke li senkulpigu sin ĉe la komitato, li petis lasi al li tempon por pripensi.

*La organiza problemo.*

Sur la tagordo de la 24-a kongreso staris la organiza problemo. La diskuto de tiu ĉi afero okazas en la Ĝenerala Estraro de la Esperanto-movado ; tio estas la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj kun la Komitato de UEA kaj la Internacia Centra Komitato.

La Franca Societo por la Propagando de Esperanto dissendis dum Julio la projekton de S-ro Dubois,

jam prezentitan en Budapest en la jaro 1929. Serio de artikoloj en diversaj periodaĵoj esperantistaj kaj novaj projektoj ŝajne decidigis la ICK remeti la problemon sur la tagordon dissenditan apenaŭ monaton antaŭ la kongreso. Tria kunsido de la Konstanta Reprezentantaro okazinta la 4-an de Aŭgusto devis diskuti la diversajn proponojn de la Franca, Brita kaj fine ankoraŭ de la Itala societoj. Subite la reprezentantoj de la Franca societo disdonis al kelkaj el la ĉeestantoj resumon de ĉiuj proponoj kies tekston ni represas tie ĉi.

*Proponataj principoj por la starigo de nova Internacia Organizaĵo.*

I. *Estas nur unu internacia organizaĵo, kiu plenumos la nunajn devojn de ICK, UEA kaj KR.*

II. *La internacia organizaĵo eldonos ĉiujare jarlibron.*

III. *Ĉiu membro de nacia societo estas samtempe membro de la internacia organizaĵo kaj pagas al ĝi unuecan kotizaĵon, kiu estas entenata en la nacia kotizaĵo.*

IV. *Ĉiu loka Delegito estas proponata de sia loka grupo kaj aprobata de la nacia societo. Se en iu loko ne estas grupo, Delegito povas esti nomata de la nacia societo.*

V. *La internacia organizaĵo estos estrata de konsilantaro, kiu konsistos el reprezentantoj de ĉiu aliĝinta societo. Tiu konsilantaro gvidos la internacian movadon.*

VI. *La internacia organizaĵo aperigos oficialan bultenon, kiun ricevos ĉiu membro de la organizaĵo. Tiu bulteno aperos minimume dufoje en la jaro.*

*Rezolucio.*

*La Societo franca por la propagando de Esperanto, konstatinte ke la kontrakto de Helsinki evidentiĝis kiel netaŭga kompromiso, ĉar de la komenco oni ne povis trovi en ĝi kontentigan bazon por unueca organizo,*

*konsiderante ke la nuntempa krizo kaj la ĝenerala postulo de la esperantistoj devigas al unueca kaj racia organizo,*

*proponas:*

1. *la nuligon de la Kontrakto de Helsinki,*

2. *La reorganizon de la Esperantista movado laŭ la principoj ĉi-supre proponitaj.*

3. *La elekton de plenpova reorganiza komitato konsistanta el kelkaj personoj precize komisiitaj por redakti laŭ la diritaj principoj la statutojn de la nova organizaĵo.*

4. *La prezenton, plej malfrue en la fino de Oktobro, de la novaj statutoj al ICK, kiu dissendos ilin al la naciaj societoj kaj al UEA. La nova organizaĵo ekfunkcios de 1933, gis tiam la nuna ICK daŭrigos sian agadon.*

Tiuj ĉi principoj kaj rezolucioj elvokis surprizon pro la formo kaj procedo. Fine ili estis akceptitaj per plimulto. Voĉdonis por ili la reprezentantoj Brita, Franca, Germana, Itala kaj Sveda. La Belga sin detenis. La reprezentantoj de la Nederlanda, Ĉeĥoslovaka kaj Svisa societoj protestis kontraŭ la procedo aplikita kaj poste transdonis jenan leteron:

*La subskribintoj, reprezentantoj de Naciaj Societoj, ĉeestinte la kunvenon de Konstanta Reprezentantaro je la 4-a de Aŭgusto 1932 en Parizo, konfirmas per tio ĉi la proteston, kontraŭ la procedo en tiu ĉi kunveno. Per ĝi estas akceptita propono aperinta en sia nuna formo, nur dum la kunveno kaj ne en sufiĉa nombro por ke ĉiu ĉeestanto povu ricevi ekzempleron, kaj kiu estas akceptata post nur unufoja lego kaj sen pritrakto de la apartaj artikoloj. La subskribintoj tre bedaŭras la tujan disrompon de la kontrakto kaj malakceptas por siaj societoj la sekvojn kiuj povos rezultiĝi el tiu ĉi voĉdono.*

*Nederlanda Societo: I.R.G. Isbrücker. Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista: D-ro Augustin Pillik. Svisa Esperanto-Societo: Ed. Stettler.*

---

Partoprenis la kunsidon la reprezentantoj de la jenaj societoj: Aŭstria, Belga, Brita, Ĉeĥoslovaka, Danziga, Estona, Franca, Germana, Hungarlanda, Itala, Japana, Nederlanda, Norvega, Rumana, Saarteritora, Sveda kaj Svisa; plie la Germana Ligo en Ĉeĥoslovakio. Entute 18 societoj. El ili ne rajtis voĉdoni: Aŭstria, Danziga, Estona kaj Hungarlanda; sekve kvar societoj. Ne ĉeestis la voĉdonon la reprezentantoj de la Pollanda Delegitaro kaj de la Saarteritoria Ligo. Laŭ voĉoj: Por la propono 5401. Kontraŭ 1608. Deteno 1400.

La demando, ĉu principe akcepti la novan proponon aŭ diskuti punkton post punkto, estas respondata per 5481 voĉoj por tuja akcepto kaj 1342 por detala diskuto, dum 860 voĉoj sin detenis.

Interese konstati, ke laŭ la raporto de la KR. paĝoj 65-70 de la Oficiala Raportaro, ekzistas 34 societoj el kiuj ne rajtas voĉdoni pro nepago de la kotizo 16 societoj. Ne sendis reprezentanton al la kongreso la societoj: Argentina, Aŭstralazia, Brazila, Bulgara, Dana, Finnlanda, Helena (Greka), Hispana, Kuba, Litova, Portugala, Sudslava, Urugvaja kaj Usona. Sume 14.

Rezultiĝis el tio, ke la voĉdono ne povas doni fidelan bildon pri la opinio de la esperantistaro.

La tuta aranĝo estis surprizo al tiuj Delegitoj kiuj ne konis la rezolucion antaŭe, nek havis eblecon preni kontakton kun siaj societoj.

*La sinteno de U E A.*

Ĉeestas la kunsidon de Konstanta Reprezentantaro kiel reprezentanto de la Svisa Societo, S-ro Ed. Stettler. Demandite pri la sinteno de Universala Esperanto-Asocio en tiu ĉi afero, li deklaris ke li devas, konforme al la Statuto de l'Asocio, submeti la aferon al diskuto de la Komitato, eble al la voĉdonado de la Delegitoj. Plie li konigis la ĝisnunan vidpunkton de UEA, fiksita en letero al la prezidanto de ICK dum la kongreso en Budapest 1929, kiu tekstas: *4 Aŭg. 1929*

*... Laŭ la scio de la Komitato ekzistas diversaj proponoj aŭ projektoj de nova internacia organizo, kiu antaŭvidas plej diversajn eblecojn de preskaŭ plena malfortiĝo de la naciaj societoj unuflanke, ĝis malapero de UEA favore de la naciaj societoj aliflanke.*

*Por eviti senutilajn diskutojn, ni havas la honoron informi vin ke nia Asocio konsideras sin mem kiel la Naciajn Societojn partoj same gravaj kaj necesaj de la movado, partoj kiuj pro la diverseco de sia agadkampo kaj organizo devas konservi memstarecon.*

*Sekve UEA restas sur la bazo de la interkonsento de Helsinki kun kontraktantoj samrajtaj. Tiu logika konstruo ebligas plibonigojn, ekzemple per akcepto de la Fakaj societoj kiel tria kontraktanto per plifortigo de la komune elektita centra estraro ktp.*

*UEA estis kaj estos ĉiam preta kunlabori amike kun la Naciaj Societoj kaj favorigi komunan agadon aŭ simpligon en la administraj rilatoj, tie, kie la cirkonstancoj tion permesas.*

*Aliflanke nia Asocio ne povas konsideri projektojn, kiuj, forlasante la juran bazon de Helsinki, ektuŝas iamaniere ĝian memstarecon, ĝian libereman organizon kaj ĝian nomon, sub kiu ĝi honeste kaj sukcesplene laboris dum 20 jaroj, por la bono de la internacia Esperanto-Movado.*

La prezidanto de UEA precizigis la juran flankon de la problemo kaj bedaŭras, ke la kontrakto de Helsinki ne estis malmendita en pli deca maniero.

Alifianke la ŝarĝoj, kiuj rezultis por UEA el tiu kontrakto, tiom superis la avantaĝojn, ke UEA ne havas kaŭzon protesti kontraŭ tiu tuja kaj unuflanka forigo de la ĝisnunaj komunaj aranĝoj.

La Kunveno tuj nomis komisionon kun la celo jam en Parizo starigi planon kun budĝeto de la nova organizo. Estas elektita en tiun komisionon reprezentantoj de la societoj Brita, Franca, Germana, Itala kaj Sveda ; plie la Aŭstria kaj la Belga.

Al la invito, ke UEA ankaŭ delegu du personojn, la prezidanto de UEA atentigas, ke tiom, kiom li komprenas la proponatan organizon, ne plu restos en ĝi loko por UEA. Kontraŭe oni eĉ intencas forpreni de ĝi sian laborkampon. Sekve estas pli korekte, ke la proponintoj mem ellaboru siajn ideojn, eble studu ankaŭ aliajn projektojn, ĝis vidiĝos pli klare la formo kaj ekzistebleco de la tiom rapide decidita nova organizo. Post ricevo de plano, la komitato de UEA ĝin zorge kaj serioze ekzamenos.

*La estonto.*

La renverso okazinta en Parizo metas la movadon antaŭ nova fakto. Kio ajn rezultiĝos el la diskutoj pri la nova organizo, la gvidlinio de UEA restos la sama.

La konigo de la renverso de l'Kontrakto de Helsinki, konsternigis videble grandan aron da personoj. Bruoj pri forigo de UEA disflugis. Tio vekis fortan kontraŭventon kaj kelkaj membroj de UEA, gvidataj de S-ro Brieger en Breslau, S-ro Martin, juna, el Mâcon k.a. aranĝis popolkunvenon de UEA por ekscii kio okazis. Delegacio venis al la Komitato de la Asocio kaj petis, ke ĝi informu la kunvenintajn membrojn. La Komitato akceptis kaj tuj iris al la kunveno, du ĝis tricentpersona. Dum duhora diskuto, en kiu partoprenis ankaŭ la instigantoj de la renverso, la prezidanto de UEA precizigis la sintenon de l'Asocio kaj trankviligis la ekscitiĝintajn fidelulojn. Fine la prezidanto akceptigas jenan rezolucion :

*« UEA bedaŭras la disŝiron de la kontrakto de Helsinki kaj deklaras sin ĉiam preta labori kun la Naciaj Societoj kiel antaŭe. »*

## Kongres-semajno.

de Raymond Schwartz.

---

*Sabate ; (Interkonatiĝa festo)*

*Komplimento, — ne insulto, —*
*Estos signo de l'sabat',*
*Kiel pruvos la rezulto ;*
*Konatino kaj konat' ;*

*Dimanĉe ; (Kongresa teatraĵo)*

*Por amuzo la dimanĉo*
*Taŭgis jam dum praepok',*
*Tial — kun kongresfianĉo*
*Ŝi retrovos sin ĉe « Knock ».*

*Lunde ; (okazos multaj kunsidoj).*

*Sidi ŝajnas oportune,*
*Kiam kuras la imag' :*
*Ili multe sidos kune...*
*... Lundo estas kunsid-tag'.*

*Marde ; (Ekskurso kaj vespero de « Literatura Mondo)*

*Marde ili arde formos*
*Revkastelojn en esper :*
*Kaj anĝele ili dormos*
*Ĉe l'literaturvesper'.*

*Merkrede (Tuttaga ekskurso al Fontainebleau kaj tagmanĝo sur la herbo)*

*Post vizit' al kastellando*
*Ili manĝos enarbare,*
*Eble multe da viando*
*Sed sidados... vegetare.*

*Jaŭde (Dumnokta ŝipekskurso al Saint-Cloud)*

*Ili lokon tuj elektos*
*Plej diskretan por vetur',*
*Certe... (Tamen — mi respektos*
*Tranĉorajton de l'cenzur' !*

*Vendrede (Internacia balo)*

*Kelkaj nur per riverenco*
*Pri l'kongres-sukces' kvitancas,*
*Sed kun pli dankema senco*
*Ili tutan nokton dancas.*

*Sabate (Solena ferma kunsido)*

*Jam disiro, — lasta kis'*
*Inter Peĉjo kaj Ilonjo,*
*Kiuj firme ĵuras ; « Ĝis*
*La revido... en Kolonjo ! »*

*(Represita el la kongres-libro)*

---

Intence la deklaro estis tiom milde formulita por ebligi amikan intertraktadon kun la Komisiono pri reorganizo. Baldaŭ decidiĝos ĉu en ĝiaj planoj restos aŭ ne restos deca loko al nia Asocio. UEA, ĉiam cedema kaj prudenta atendas tiun lastan eblecon de interkonsento. Tuj poste ĝi decidos, konscia pri sia forto kaj sia rolo en la Esperanto-Movado.

# Promenante tra la kongreso...

Parizo kiel kongresurbo ja estas iom danĝera. La sumo de vidindaĵoj estas grandega, la allogo je distrado multvaria kaj la rideto de ĉarmaj parizaninoj tre promesiga. Pro tiuj faktoj, organizantoj de kongreso, en Parizo devas atenti eblajojn tute ne konitajn en aliaj kongreslokoj. Ja ne malofte okazis ke granda kongreso kun mila partopreno nur vidis kelkdekojn da laborantoj en la kunvenoj. Konstatinde estas, ke la 24a kongreso estis escepto, la laborkunvenoj bone vizititaj kaj la diskutoj viglaj, plenaj je intereso por la afero.

### *Preparoj kaj alveno*

La subita kresko de la nombro de aliĝintoj metis la LKK antaŭ situacio ne facila. La eksteraj cirkonstancoj ja forte influis la deziron, partopreni tiun ĉi kongreson kaj ĝis fino de Junio la nombro de aliĝintoj ne atingis milon. Tamen oni enregistrigis 1700 kaj pli da aliĝoj, el kio partoprenis laŭ prudenta takso 1500.

Pasante landlimon de Francujo oni jam rimarkis la kongreson. Ĉie surskriboj en Esperanto kiel « Bufedo », « Monŝanĝo », « Pakaĵoj » « Dogano » atestis pri la jara manifestacio esperantista. La grandaj stacidomoj en Parizo ankaŭ estas provizitaj de tiuj ŝildoj kio tre bone servis. Dezirinde estus, ke ili restu daŭre.

La Maison de la Mutualité, la kongresejo estas vasta, tute nova domo, kun multaj salonoj grandaj kaj malgrandaj, ege taŭgaj por kongreso. Granda verda stelo, ĉirkaŭita de blanka rubando, kaj meze de l'stelo ,la blazono de Parizo rimarkigis la centron de l'kongreso. La alveno de la kongresanoj jam komenciĝis vendrede kaj sabate. Regis jam gaja atmosfero kaj kongresa zumado. Disdoniĝis granda bela koverto kun duonkilogramo da dokumentoj kaj paperoj. Surprizo estas la tre bela kongresinsigno, plurkolora, solida fabrikaĵo kun verda rubando, vera esp. ordeno. Karavanoj alvenis de Germanujo, de Nederlando kaj eĉ granda aŭtobuso el Tallinn en Estonio kun tridekkvin personoj.

### *La programo*

La kongresa libro, plaĉe presita de Solsona, esperantista presisto en Parizo, montris ampleksan programon. Versaĵoj de Raymond Schwartz ŝerce agrabligis la tekston. Trideko da kunvenoj fakaj, dekduo de la oficialaj institucioj, diservoj, ekskursoj, plezuraranĝoj, teatro k.t.p. — Por ĉion partopreni konvene, la tago devus havi 48 horojn. Feliĉe ĉiuj aranĝoj koncentriĝis preskaŭ en unu domo, la Maison de la Mutualité, kio faciligis multe.

### *La diservoj*

Katolika diservo okazis en la majesta katedralo Notre-Dame, kiun ĉeestis du ĝis tricent kongresanoj. Devis prediki Pastro Font-Giralt, kies tondra sed agrabla voĉo tiom forte parolas al la koro. Bedaŭrinde li ne povis alveni ĝustatempe kaj anstataŭis lin alia samideano-pastro. La protestanta diservo okazis en preĝejo Sainte-Marie, kien pilgrimis ankaŭ kelkaj centoj da kongresanoj.

### *Solena malfermo*

Sorbonne, jam la nomo elvokas memoron pri la glora tempo de vekiĝo de l'sciencoj. Fieraj ni estu, ke nia kongreso malfermiĝis en tiu ĉi fama universitato, centro de universala scio kaj sprito. La vasta amfiteatro kun statuoj de Richelieu, Sorbon, Rollin, Lavoisier, Descartes, estas ja inda kadro por malfermo de universala kongreso. Kiel antaŭ dek jaroj en Helsinki, militista muziko salutis la kongresanaron kaj nekutime por multaj, sonis la himno laŭ franca militista takto, vigla kaj entuziasmiga.

La malferma kunveno ne multe diferenciĝis de antaŭaj kongresoj. Prezidis Sinjoro André Baudet, eks-prezidanto de la Pariza Komerca Ĉambro, invitinta la kongreson. La alta protektoro de la kongreso sendis delegiton, ordenumitan oficiron, la registaroj de kelkaj landoj delegis konsulon aŭ komisiis kongresanon transdoni bondeziron. La bildo de la aranĝo ne diferenciĝas de la antaŭaj : Konstituiĝo de la kongresa estraro, alparolo de la oficialaj registaraj delegitoj, paroladoj de la Prezidanto de l'Internacia Centra Komitato,



La prezidanto de ICK, varbante por Esperanto.

Sinjoro Merchant kaj la salutoj de la esp. organizaĵoj. Belaj spritaj vortoj aŭdiĝis, solena atmosfero regis kaj precize je tagmezo finis tiu ĉi plej impresiga parto de kongreso. Ĉarma detalo : Partoprenis la kongreson Sinjorino Anna Tuschinski, la 90 jara pionirino esperantista en Danzig akompanita de F-ino Spiess, la blonda vigla kaj danc-iga samideanino. Bela bildo, la du virinoj, la maljuneco kaj juneco, ambaŭ fervore laborantaj por nia afero. Ĉeĥoslovakaj samideanoj kondukataj de Robert Bloch el Praha transdonis belan bukedon de la rozo *Esperanto* al la plej aĝa kongresanino, ne timinta tiun longan vojaĝon de Danzig ĝis Parizo.

Belega ekzemplo de firma intereso kaj konvinko kaj plej elokventa pruvo al tiuj, kiuj opinias ke Esperanto estas retorta lingvo, ne kapabla elvoki senton kaj entuziasmon.

### *Somera Universitato*

Pasis jam sep jaroj, ke en Ĝenevo dum la 17a kongreso komenciĝis la Somera Universitato. Prezidis ĝin en Parizo Profesoro Bujwid el Krakovo, disĉiplo de Pasteur. La prelegoj estis unuarangaj, sekvindaj eĉ de nefakuloj kaj plia pruvo por la taŭgeco de la lingvo, esprimi per vortoj la homan penson. Prelegis :

Georges AVRIL, Nice : Evoluo de l' Kinema Arto. (Kun montro de filmoj de unuaj ĝis lastaj).
André BAUDET, Paris :
La Komerco antaŭ cent jaroj... nun... post cent jaroj.
Gaston WARINGHIEN :
La moderna Franca Literaturo.
D-ro Kolomano KALOCSAY, Budapest :
La vorto en Esperanto.
Gabriel CHAVET, Lille :
Modernaj tendencoj de la dancarto.
(kun prezentoj de artistoj de la skolo Irène Popard).
D-ro Bruno MIGLIORINI, Roma :
La artefaritaj elementoj en la naciaj lingvoj.

Nomoj de la prelegantoj, temoj elektitaj altiris vastan aŭdantaron. Pripensinde estus, ĉu ne povus esti presota tiuj prelegoj en broŝureto, tiel ke valoraj ideoj kaj diroj servu ankaŭ al la cetera mondo esperantista, ne povinte partopreni kongreson aŭ prelegojn. Al la riĉa aplaŭdo de la ĉeestintaro de tiuj prelegoj estu aldonota sincera danko por la valora kaj instruriĉa temaro.

*Labor-kunsidoj*

La programo indikas tri laborkunsidojn de la kongreso kaj unu publikan kunvenon de UEA. La unua laborkunsido (1.8.) krom la kutimaj oficialaĵoj malpli gravaj, enhavis paroladon de J. Olŝvanger, « Arto individua kaj kolektiva ». La persono de la parolinto, bone konata al multaj kongresanoj, lia granda oratora talento igis tiun ĉi kunvenon ne tedan endormigan programpunkton, sed vivoplenan artaĵon, ne facile forgeseblan de partopreninto. Forto de esprimo, granda teknika sperto de vera oratoro, profunde pripensita temo, jen la kvalitoj de tiu ĉi okazaĵo, unika en sia speco.

La dua labora kunsido pritraktis la raportojn de l'ICK, kaj de la K.R. ambaŭ diskonigitaj per la kutima oficiala raportaro. La kalkuloj de l'ICK por la jaro 1931-32 indikas regulajn enspezojn de 16416,42 kaj elspezojn 18689.37 kio rezultigas perdon de 2272.95, kovritan el antaŭa bonhavo de jaro 1930-31, tiel ke restas fina bonhavo de 182.58 Fr. sv. La apartaj kontoj montras bonhavon de Fr. sv. por specialaj celoj : Ŝlosiloj : 3223.68 : Propaganda fundo : 529.39 : Rezervo : 2250.55 Fr.

El la raporto de la Konstanta Representantaro tre konciza kaj klara kiel kutime, vidiĝas ke la kotizoj de la Naciaj Societoj atingis la sumon de 3489.10 Fr., kio estas malgranda kresko kontraŭ la jaro 1930. Ankaŭ citinde estas, ke el 34 societoj aliĝintaj al K.R. pagis efektive nur 18 dume la aliaj 16 ŝajne tion forgesis.

En ICK estas elektitaj por anstataŭi S-rojn Prof. Dietterle kaj D-ro Stromboli, S-roj D-ro Vogt kaj Ed. Stettler.

Al la verkintoj de la raportoj, Robert Kreuz, Direktoro de l'ICK, kaj al Frans Schoofs, Sekr. Kasisto del' K.R. la kunsido esprimis la koran dankon por ilia laborado. Sekvis vigla diskuto kun kritikoj, proponoj kaj klarigoj.

La Tria laborkunsido Vendredo, 5.8. enhavis la raporton de UEA prezentitan mallonge de la vicprezidanto S-ro Joh. Karsch. Ĉar UEA havis sian kutiman kunsidon apartan, la diskuto estis mallonga kaj parte ripetigis nur tion, kion oni aŭdis en la propra kunveno. Sekvis raportoj de la Lingvaj aŭtoritatoj kaj poste praktikaj kaj utilaj proponoj por la propagando.

La plej grava detalo estas la sciigo pri la nuligo de la Kontrakto de Helsinki, okazinta en la kunsido de la K.R. je la 4-a de Aŭgusto kaj konfirmita en la kunveno de la Ĝenerala Estraro je la sama tago.

## La amuzaĵoj

Por ke la kongresanoj ne enuiĝu, kaj por ke la fidelaj laborantoj inter la labor-, fak, komitat- kaj komisikunvenoj havu ion por plidolĉigi la kongresvivon, ĉiu kongreso havas plezuraranĝojn. Ankaŭ la nuna ne faris escepton — kaj estu konstatite, ke ili plejparte malgraŭ aranĝoj simplaj kaj ne tro kostaj plenumis la intencitan celon.

Interkonatiĝa vespero — multe da bruo, multaj homoj, kiuj ĝojas, vidi unu la alian. Teatra prezentaĵo jam Dimanĉon vespere unuigis la plimulton de la kongresanoj en la teatra salono de Mutualité. « Knock » aŭ la « Triumfo de Medicino » de Jules Romains en traduko de D-ro Corret kaptis la intereson de la publiko — la unua akto bedaŭrinde ne tiom efikis kaj kaŭzis, ke multaj preferis iri en aliajn ejojn de amuzo — ili perdis multon, ĉar la aktoroj en la dua kaj tria aktoj havis okazon montri sin en roloj vivplenaj kaj merite ricevis la aplaŭdon. Ke ludis en la teatraĵo aktoroj el diversaj nacioj, estas nur apude notata, ĉar tion ni ja jam kutimiĝis : ke la aŭtoro kaj tradukinto estis speciale aplaŭditaj okazis prave, ĉar la verko meritas atenton. Ke ĝia enhavo kaj konkludo ne estas ĝuste perceptita de multaj ĉeestintoj, tion oni povis konstati en multaj diskutoj pri tio —la problemo estis eble tamen tro profunda por amuzema kongresanaro....

Invito je lunĉo en Galeries Lafayette — sur tegmentĝardeno la Samideanaro ĝuis kuneston, manĝon kaj perspektivon de senfina domaro de Paris, poste la gastoj havis pluan avantaĝon, aĉeti en tiu riĉe provizita magazeno ion por « ŝi », ĉu ŝi estis kune aŭ ne, tute egale.

*Literatura vespero de Literatura Mondo* — aro de diversspecaj kaj -rangaj literaturaĵoj prezentitaj per la aŭtoroj mem aŭ per literature spertaj interpretoj. Se la publiko estus iom pli atentinta, ke ĉe tia aranĝo ĉefafero estas ĝia koncentrita atento kaj spirita kontakto kun la aŭtoroj, la sukceso estus pli granda. Tre ĝenis la preskaŭ senĉesa irado de venantoj kaj forirantoj, la krakado de la seĝoj ktp., tiel, ke eĉ la plej sindone aŭskultantaj gastoj ne povis plene ĝui la prezentaĵojn de Baghy, Kalocsay, Forge, Olŝvanger, Hovorka, Grenkamp, k.a., kaj eĉ ne ĉiam kompreni, kiajn ŝercojn prezentis Raymond Schwartz. Por estonto unu konsilon : elekti pli malgrandan ejon kaj malhelpi daŭran cirkulon de la gastoj, krome pli severan kunmeton de la programo, kiu ĉi foje ŝajne nur estis, por ne esti aplikata. La publiko ĝojis, konatiĝi kun siaj preferataj verkistoj — jen la plej valora eco de tiu aranĝo.

*Internacia balo* — tiu ĉi ĉe aliaj kongresoj plej multe atentata amuzaĵo ĉi jare ne montris tiun specialan allogon, kiun ĝi alie havis : la multecon de naciaj kostumoj. La LKK en plena kompreno, ke por la Parizaj Bulvardoj ne taŭgas, kion oni ŝatas en aliaj kongresurboj, petis, ne porti tiujn kostumojn sur la strato. Multaj posedantinoj de tiaj belaj vestaĵoj opiniis siaflanke, ke por kelkaj balhoroj ne valoras kunporti kostumon kaj tial la bildo de la Pariza balo ne estis tiom bela ol alie — tamen oni multege dancis laŭ moderna orĥestreto kaj amuziĝis bone per flagetoj, ventumiloj, aerbalonoj donacitaj de Galeries Lafayette, en « frua » horo Raymond Schwartz prezentis ŝercajn intervjuojn, kiuj rikoltis multan aplaŭdon. Je la meznokto polonezo gvidis la balgastojn al la teatro, tie unue la kongresa Prezidanto Warnier prezentis siajn kunlaborantojn, al kiuj la kongresanaro dankis per vigla aplaŭdo, poste s-ino Gernsbacher- Köln invitis al vizito de la 25*jara kongreso*



Ĉeĥoslovako, polino, svisino en naciaj kostumoj.

*jubilea de Esperanto 1933* kaj kondukis la rigardantojn al la venontjara kongresurbo per filmo, montranta la belecojn de la rejna metropolo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. Oni videble ĝojis pri tiu vigla propagando — reale montriĝis tiu danko en 100 aliĝoj por la 25a !

*Ekskursoj* — per ili la 24a estis riĉe provizita : mardon posttagmeze specialvagonaro kondukis al *Versailles* la plimulton de la kongresanoj, kie ili estis gvidataj tra la galerioj kaj salonoj de la kastelo same kiel tra la ĝardenoj, kies vasteco lacigis la krurojn sammezure, kiel ilia beleco kaj riĉeco, ĝojigis la okulojn. Merkredon matene aŭtobusoj ekiris al *Fontainebleau*, la suno brilis sur la vastan regionon inter la ĉefurbo kaj la « lando de la kasteloj » kaj restis fidela dum la tuta tago. Tio necesis, ĉar krom la vizito en la kastelo Fontainebleau ni estis dum la tuta tago sub libera ĉielo, eĉ manĝis piknike sur erikejo... ne estas imagebla, kio okazus, se en tiu tempo subita pluvego estus falinta kaj fornaĝiginta ĉiujn tiujn belajn longajn panojn, tiujn pladojn kun viando, tiujn korbojn kun fromaĝo, vinboteloj kaj manĝiloj ! Sed la ĉielo ĝojis pri siaj fidelaj Esperantistoj kaj ili abunde ĝuis la liberecon, kiun permesis la piknikado. Ridoj kaj kantoj eksonis ĉie en la erikejo kaj finfine meritita ripozhoro donis al kelkaj okazon, postpreni perditan noktdormon, dum aliaj « gesole » promenis. Dum la reveturo iom pluvis, sed tio ne povis malbonhumorigi la ekskursintojn, kiuj jam antaŭĝojis la trian ekskurson : la vaporŝipan veturon al *Saint-Cloud* ĵaŭdon vespere. Dum ekkrepusko la ŝipoj glitis laŭlonge de la Seine-kajoj, Notre-Dame en tiu lumo estis revo, Eiffelturo pompis en lumigado de reklamoj, lumoj ekaperis : la celo St. Cloud akceptis nin. En « Pavillon bleu » eksonis la Espero, kiam ni eniris ĝin, bela akcepto. Poste ĝi ankoraŭ kelkfoje eksonis, kaj la Esperantistoj ne trovis ion neindan en la fakto, ke la dancemuloj uzis ĝian ritmon por danci — demando de gusto ? Reveturis la ŝipoj al Paris, silentis la gastoj, parte pro laceco, parte pro alia okupo de la lipoj (laŭ onidiro ne-kontrolebla).



Grupo kun naciaj kostumoj.

*Rondveturoj, rigardadoj* kaj *vizitoj de muzeoj* estis aranĝataj per vojaĝoficejo komisiita de LKK ĉiutage dum la tuta kongresa daŭro. Necesis tio, kredeble, ĉar alie la kongresanoj ne estus havintaj la okazon, iom pli detale konatiĝi kun la kongresurbo. Sed tiuj rondveturoj ofte koincidis kun la horoj de labor- kaj fakkundisoj, tiel ke eĉ konsciaj kongresanoj mankis en la plej gravaj laboroj — jen la malŝanco de kongresado en metropolo. Kvankam la kongresanoj svarmis vespere kaj nokte en la amuzaj kvartaloj kun siaj kongresinsignoj, tamen la dumtaga vivo de Paris escepte en la Universitata Kvartalo ne ricevis specialan verdstelan noton — fakto, kiu estas la bedaŭrinda en la intereso de la propaganda utiligo de niaj kongresoj.

*Postkongreso en Paris kaj alie* — necesis por multaj, kiuj pro sia efektiva partopreno en la kunsidoj ne trovis okazon, konatiĝi kun la kongresurbo. Ili estis renkonteblaj ankoraŭ ĝis mardo kaj merkredo de la postkongresa semajno en konsiderinda nombro, kaj ankaŭ la postkongresaj vojaĝoj al Deauville ktp. trovis multajn partoprenantojn, kiuj post grandurba varmegeco serĉis ripozon kaj refreŝigon en la naturo.

## Vizito ĉe Instituto Pasteur

Organizita de la TEKA okazis vizito al la fama instituto Pasteur. Prof. Bujwid memorigis pri la vivo kaj laboroj de l'eminenta scienculo, kies lernanto li estis. Filmoj pri Pasteur (vakcino kontraŭ rabio, fondo de la Instituto) altgrade altiris la atenton de la publiko veninta multnombre. Oni prelegis ankaŭ pri la vakcino kontraŭ difterio, trovita de D-ro Ramon, kies familio ĉeestis la kunvenon. Inter konataj personoj partoprenintaj la kunvenon ni povis rimarki Profesoron Vanverts, de la fakultato de Lille S-ron Mouron de l'Instituto Pasteur, Professoron Cotton, de l'Normala Supera Lernejo.

## La fermo

Sabaton matene (6.8.) je la deka horo komencis la ferma kunsido. Post aŭskulto de aro da rezolucioj, informoj k.t.p. la prezidanto de la Kongreso esprimis la dankon al la kunlaborantoj, precipe al la sekretario de l'kongreso, S-ro Newell kaj F-ino Blau, sekretariino.

En mallonga parolado Sinjoro Merchant, prezidanto de l'ICK, resumis la laborojn de la kongreso, atentigis pri la nuna klopodado reorganizi internacie la esperantistaron kaj invitis al forta partopreno en la 25a en Kolonjo. Eksonis la himno kaj finis la 24-a kongreso.

## Kritikoj kaj plendoj

Devizo : Ni plendu kaj plendu neniam laciĝu
Ni plendu kaj plendu konstante...

Kongres-raporto ja ne estus kompleta, se ne estus ankaŭ krom la kutima oleo de danko, la pipro de l'kritiko. Resumante ĉion ni konstatu, ke la fonto de daŭra plendado estis la rabatiloj por la fervojo. Ni havis okazon mem sperti tion kaj nur povas diri, ke estis tre tre malagrabla afero por la LKK, kiu laŭ ĉio faris sian eblon. Sed ni vidis ankaŭ ke la administracioj de kiuj dependas la disdono de la rabatiloj, laboras laŭ la konata formulo « kial fari ion simple, se komplike ankaŭ funkcias ? »

Tio ŝajnas esti la sole grava plendo, kiu aŭdiĝis. Vidante la bonan volon de la LKK, forigi tiujn malhelpojn la kongresanoj memoru la belajn tagojn trapasitajn kaj forigu el la penso la malbelon spertitan.

Alia plendo rilatas al la troeco de aranĝoj. Personoj kiuj aktive laboras en la movado, fakte ne povas ĝui ion de kongreso pro la kunsidoj en komitatoj, kiuj neniam finas je horo fiksita. Estus pripensinde ĉu en la estonto la komitataj kunvenoj okazu antaŭ la kongreso, eble du tagojn pli frue.

Konsilinde estus ke estontaj kongresoj havu konstantan ejon por ke plendemuloj povu doni siajn rimarkojn kaj ne trakuru salonojn kvazaŭ venĝanĝeloj serĉantaj iun kompetentan personon por verŝi sian ĉagrenon.

Feliĉe ke en Parizo estis bela vetero. Kompatinda LKK, kian pluvegon da plendoj vi estus ricevonta, se estus okazinta alie !

Finis la 24-a — Vivu la 25-a. (H.J.K.).

## Unua peresperanta Packongreso.

Samtempe kiam la 24a Universala Esperanto-Kongreso en Parizo, okazis la « Unua peresperanta Packongreso », parte en salono H de la kongresejo, parte en taŭga kunvenĉambro disponigita konstante dum tuta semajno senpage de la kvakeroj, 12, rue Huy de la Brosse.

Malgraŭ multaj festoj kaj allogaĵoj povis okazi ok seriozaj laborkunvenoj (kvar el ili daŭris pli ol du horojn kaj duonon), kalkulante la jarkunvenon de Universala Pacifista Ligo, prezidita de s-ro Dahl (svedo).

En ili s-roj Ehbauer (germ.), Hahn (germ.), de Jonge (hol.), Dalmaŭ (katal.), Brossier (fran.), van Etten (fran.), Guinaud (fran.), de plej malsimilaj pacidearoj paroladis pri jenaj temoj :

1. Ĉu paco sur tero estas ebla en ĉia afero ? Ĉu Esperanto povas efektivigi tiun deziron ? 2. Pri ribelo dum milito. 3. Esperanto kaj lerneja pacedukado. 4. Senarmila pacarmeo. 5. Subpremataj kulturoj. 6. Maljustaj packontraktoj. 7. Diversaj rimedoj proponitaj al la paco. 8. Diversaj projektoj de konstitucio interregna : Paneŭropo, UJE, UŜE (Zauner), la nuna Societo de Nacioj, projekto Brogajota. 9. Individua militrifuzo.

Ĉiun paroladon sekvis plej libera kaj ofte tre vigla, eĉ pasia diskutado.

Aliaj paroladistoj ne faris sian paroladon pro tro malmulta ĉeestantaro ; aliaj, ĉar oni ne povis trovi horon kontentigan por ili.

Iujn kunvenojn ĉeestis pli ol 100 partoprenintoj. En unu el ili parolis 18 personoj el 9 nacioj ; preskaŭ ĉiuj tre flue kaj tre elokvente.

Inter la ĉeestantoj ni nur nomas s-ron Hediger, oficiala delegito de la Internacia Laboroficejo de la Ligo de Nacioj kaj s-ron Azorin, deputito en la Hispana Parlamento.

La celo de la packongreso estis, montri la ege gravan danĝeron por la paco, kio estas la opinidiverseco de l'pacifistoj pri pacrimedoj kaj la utilecon de Esperanto por iom post iom malmultigi tiun diversecon. La celo estas kontentige trafita. La unuanimaj aŭ preskaŭ unuanimaj deziresprimoj de la kongresanoj tion pruvas.

☞ Pliaj sciigoj estas riceveblaj de s-ro F. Brossier, 25, rue du Docteur Heulin, Paris XVII.

## La XII-a Kongreso de SAT.

Ĝi okazis de la 6.-11. Aŭgusto en Stuttgart kaj estiĝis plena sukceso. Aliĝis al la Kongreso 311 kongresanoj el 14 landoj, i.a. el Alĝerio, Hispanio, Usono, ĉeestis 245. La Kongreso faris en harmonia spiritostato atentindan laboron. Prezidis germana, nederlanda kaj sveda Kamaradoj. Post pridiskuto kaj unuanima aprobo de la Raportaro de l'Plenum-Komitato, Administracia Komisiono kaj Kontrol-Komitato, ĝi pritraktis tre detale la organizan problemon kaj decidis kontraŭ nur malmultaj voĉoj, konservi la nunan strukturon sennaciecan de SAT. Ĝi komisiis ankaŭ al la Plenum-Komitato, laŭ propono de la Rejn-Majn-regionaj Kamaradoj, interkonsenti kun la nacilingvaj laboristaj esperantistaj organizoj ebligi liveradon de la oficiala organo, *Sennaciulo*, al la anoj de tiuj asocioj je favoraj kondiĉoj. 3 fest- kaj varb-vesperoj tre bone vizititaj enkadrigis la Kongreson kaj donis al ĝi grandan valoron ankaŭ laŭ propaganda vidpunkto. Menciinda estas la kunagado de l'esperantista infangrupo el Nekargartach ĉe la salutvespero. Okazis krome interesaj lekcioj pri Hispanio kaj Aŭstrio (de parlamentano Azorin kaj d-ro Grimme).

Entute la Kongreso elmontris bone la vivoforton de SAT kaj la firman volon de ĝiaj anoj venki la nunajn malfacilajn cirkonstancojn per pliintensigita laborado.

## La nuna numero

**ampleksas 24 paĝojn. Ĝi estas sendata al la tuta membraro de U E A, do ankaŭ al la ne-abonantoj. La venonta numero aperos meze de Oktobro kaj enhavos la informojn pri la agado dum 1933. Fotografaĵoj pri la Balo estas riceveblaj pere de S-ro S. Grenkamp, Boulevard Jourdan 117, Paris XVI la ekzemplero 2 fr. sv. kun sendo.**

# La Jarlibro de la Esperanto-Movado kaj la Jubileo de Universala Esperanto-Asocio 1933.

La tutmonda ekonomia katastrofo, kies sekvo estas ĉie la sentebla redukto de la enspezoj ankaŭ minacas la plej popularan eldonaĵon esperantistan, la Jarlibron de la Esperanto-Movado, kutime nomata la *Jarlibro de UEA*. Kun multe da peno UEA povis aperigi ĝin en 1932. Por 1933 ni devas antaŭvidi, ke diversaj cirkonstancoj, kiuj ebligis la aperigon de la libro dum 1932, ne ripetiĝos. Ni devas trovi alian solvon, por tamen prezenti al la esperantistaro tiun ĉi eldonaĵon, kiel kutime. La komisiono de UEA dum sia Paska kunveno komisiis la Direktoron, esplori la aferon kaj submeti planon. Por ĉion bone kompreni, ni traktas la problemon iom pli vaste, iom historie kaj iom ĝenerale.

## La ideo de Jarlibro

Informi la Esperantistaron pri la stato de la movado kaj de UEA, doni fidindan mezurilon de la vera forto de l'Esperantismo, konvinki eksterulon pri la disvastiĝo de nia movado, jen la ideo de Esperantista Jarlibro. Esperantismo ne servu nur por interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn sed ĝi helpu sciiĝi pri fremdaj landoj kaj kondiĉoj, rekte rilatante kun alilandanoj. Kaj la Jarlibro estu la rimedo por tio.

Kompletigi tion, per aldono de utilaj informoj el la ĉiutaga vivo estas malnova ideo de ĝia unua kompilinto, S-ro Hector Hodler, la kunfondinto de la Asocio. Tiun ĉi ideon, la nuna kompilinto klopodis sekvi, laŭ la disponeblaj rimedoj.

Gvidanta ideo krome estas : La Jarlibro ne estu eldonaĵo de 2.000 aŭ 3.000 ekzempleroj. El sama kompostaĵo oni presas dekoblan kvanton. El tiu ĉi ideo naskiĝis la regulo : Senpaga Jarlibro al ĉiu ano de UEA, paginta sian kotizon. Tio certigis du aferojn : 1. Alta eldon-nombro; 2. Plena eluzo de la presita kvanto. (Vendinte la Jarlibron ĝis la jaro 1910, ni konservis ĉiam grandan kvanton nevenditan.)

## La evoluo de la Jarlibro

La unua aperis en 1908, laŭ aspekto preskaŭ mizera eldonaĵo de 24 paĝoj. Ĝi indikis la staton de UEA je la unua de Aŭgusto 1908 : Delegitoj en 250 lokoj kaj 23 landoj, 1.223 membroj. La Jarlibro 1914 kontraŭe kun 304 + XLVIII kune 352 paĝoj, inde aspektis kaj klare montris la tendencon de la kompilinto. En la antaŭparolo li skribis interalie: « *El ĝi ni celas fari verkon esence utilan kaj praktikan, facile kunporteblan kaj tralegeblan. Ĝi devas havi popularan karakteron. Ne verko enpolvigota en biblioteko ĝi devas esti, sed libreto por la ĉiutaga uzado, libreto malpurigota de la manoj, kiuj ĝin ofte foliumas, ĉar ĝi respondas al praktikaj bezonoj* ».

La milito ĉion detruis kaj pene UEA devis regrupigi la kelkajn fidelulojn. Nur dank' al la grandioza helpo de S-ro Hodler, la rekonstruo de la tuta Asocio sukcesis. Sinsekve la Jarlibro de UEA plibeliĝis kaj atingis en 1928 kulminacian punkton kun 608 paĝoj kaj 11.000 ekzempleroj.

## La enhavo de la Jarlibro

Pri ĝi ni jam plurfoje konigis la opinion de la estraro kaj de l' kompilinto. Nura adresaro *ne* allogas. Kaj la uzebleco de Jarlibro esperantista devas esti varia pro la variaj bezonoj de la homoj. Nia idealo estas, ke iam ni havu *du* Jarlibrojn : Unu estu pure esperantista kun ĉiuj indikoj necesaj pri nia agado, adresaron de la Delegitoj kaj grupoj k.t.p. — la dua enhavu utilajn informojn pri ĉio, kio estas sciinda sur internacia kampo. Esperantisto kaj ano de UEA devus esti la plej bone informita homo, jen la funda ideo. Malproksimaj ni estas nun de tiu ĉi idealo, jaroj necesas ĝis ni povos ree pensi je daŭrigo de nia penado en tiu-ĉi direkto. Se ĝis nun ne estis eble realigi nian idealon, ni almenaŭ klopodis, ke la enhavo de la esperantista Jarlibro estu kiom eble plej varia. Tiurilate la eldono de 1928 restos modelo por longa tempo. I. a. ni tiam ankaŭ komencis sisteme kompletigi la priurbajn informojn en telegrafa stilo. Laŭ la ricevitaj dankesprimoj kaj gratuloj ni povis konstati, ke tio trovis ĝeneralan aprobon. Ĉiujare ni aldonis krome parton de sciindaĵoj. « Enciklopedieton » ni ne volas ĝin nomi, kvankam ĝia celo estas fariĝi tia. Pri ĝia utilo, la opinioj varias, tamen multaj legantoj ŝatis ĝian enhavon.

## La kosto de la Jarlibro

La financado de tia eldonaĵo estas problemo aparta. Naciaj jarlibroj ne-esperantistaj, ekzemple tiuj de Turing-Kluboj, kovras parte aŭ eĉ tute la preskoston el anoncoj. Aliaj jarlibroj ricevas subtenon ĉu de registaroj, ĉu de institucioj. Aliaj kiuj ne kaptas sufiĉan nombron de reklamoj aŭ ne havas flankan subtenon, kreas sistemon, kiu certigas minimuman vendon de ekzempleroj. Malsimile al literatura verko, jarlibro havas tempe limigitan valoron. La plimulto de la eldono devas rapide elĉerpiĝi.

La Jarlibro de UEA estas ĉefe pagata el la kotizoj de la anoj. Konsiderindan nombron de reklamoj ni neniam sukcesis ricevi, malgraŭ citinda klopodo de kelkaj Delegitoj. Subtenon de korporacio aŭ registaro ni ankaŭ ne povis atingi, ĉar mankas certaj premisoj. Pro tiuj kaŭzoj, la evoluo de la Jarlibro sekvis tiun de la enspezoj el kotizoj, kiel atenta leganto de la jarraportoj povas konstati.

La kosto dividiĝas :

1. Redaktado (salajro por kompilinto kaj dumjara prilaboro de la sliparoj (kartotekoj).
2. Redakciaj elspezoj (Afranko por cirkuleroj, materialo, k.t.p.).
3. Presado kaj afranko, inkluzive la neeviteblaj kostoj flankaj por kliŝoj, korektado, dogano, k.t.p.

En la financaj raportoj de UEA aperas nur la kosto por presado kaj afranko, la aliaj kostoj estas en la koncernaj rubrikoj. Sed por aparta kalkulado necesas proksimume scii, kiom estas la parto kalkulebla por tiu ĉi laboro. Por ke vi havu ideon ni starigas tian kalkulon, konforme al niaj internaj statistikoj kaj cifer-aranĝoj. La Jarlibro 1931 ekzemple kostus efektive :

| | |
|---|---|
| 1. Salajro por unu oficisto (Kontrolo de la adresaro de la Delegitoj kun 3.000 slipoj) . . | 1.500.— |
| 2. Kompilado : 240 laborhoroj de la Direktoro plus 120 horoj de korektado kaj enpaĝigo, sen libervolaj laboroj pri novaj partoj . . . | 720.— |
| 3. Redakciaj elspezoj : Meza cifero de kvar lastaj jaroj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 600.— |
| 4. Presado por dekmil ekzempleroj laŭ fakturo de la presisto (proksimume) . . . . . . . . . . | 8.000.— |
| 5. Afranko (rondigita iom por facile kalkuli). | 2.000.— |
| La tuta kosto de la Jarlibro tiam estus sv. Frankoj | 12.820.— |

Konsiderante koston de afranko por cirkuleroj al Delegitoj kaj societoj, oni povus kun bona konscienco fiksi la efektivan koston je 15.000 Frankoj. Nekalkulebla, almenaŭ per konkretaj ciferoj estas la tuta aparato de la Asocio, kiu ebligas la eldonon, la laboro de la Delegitoj, la libervola laboro de kunlaborantoj kaj la kromlaboro de la kompilinto mem. Nur la alta eldonnombro igas aŭ permesas, ke la kotizo de UEA povas esti malalta. Supozante la eldonnombron de 2.000 ekzempleroj, kutiman ĉe tiaj eldonaĵoj, la unuopa ekzemplero kostus 7.— Frk. anstataŭ 1,30-1,50.

La enspezo por anoncoj neniam atingis konsiderindan ciferon. Por la tri lastaj jaroj la sumoj estis : 1929 : 1.545.—; 1930 : 1.242.—; 1931 : 1.213.—. Tiuj sumoj ja ne povas senteble influi la koston de la eldonaĵo.

**La Jarlibro de 1933**

UEA fondiĝis la 28 Aprilo 1908. Baldaŭ estos 25 jaroj, kiam junaj esperantistoj, kun fervoro kaj entuziasmo, persiste kaj obstine, entreprenis meti nian lingvon en la praktikon. Dudekkvin jaroj kiuj rapide pasis, riĉaj je impresoj kaj spertoj kaj ankaŭ je ĉagrenoj. Nia movado, kiu precize en 1914 ekfloris, ricevis fortan, tre fortan baton per la milito kaj ĝiaj sekvoj. Ni rimarku ke la skismo en 1908 nur kelkloke influis la trankvilan iron dank' al la energia kontraŭagado. Inter ĉiuj organizaĵoj esperantistaj nur UEA povis efike labori dum la milito kaj repreni tuj poste la laboron. UEA staris kaj ankaŭ staras firme en la nuna maltrankvila tempo — dank' al ĝia servado.

En ordinara tempo, 25 jara jubileo donus la okazon por inde memori tion. La nuna streĉa tempo, plena je zorgoj kaj penadoj, ja ne invitas je pompa festo kun reciprokaj dankoj kaj gratuloj. Tute ne. Sed ni ankaŭ ne rajtas silente pasi tiun ĉi daton. Ion ni devas entrepreni, ion ni devas fari por rememorigi la fondon de nia Asocio kaj danke pensi al la pioniroj : Carles, Rousseau, Hodler, Mudie, kiujn la sorto forprenis el niaj vicoj.

Kaj ŝajnas al ni ke *plej bone* estus, se nia ĉefa eldonaĵo la Jarlibro 1933 memorigu je la 25 jara ekzisto de la Asocio.

**Kiel financigi ĝin ?**

I

Dum la Krakova Kongreso, S-ro Lejzerowicz proponis, ke *la Jarlibro ree enhavu la priurbajn tekstojn.* Por pagi tion, la Delegito aŭ samideano « kun rilatoj », sin turnu al Urba administrado (Trafika Oficejo), Porfremdula, Turisma organizaĵo) por ricevi subtenon. *Ni efektivigu tiun ĉi proponon !* La tarifo por urba priskribo estas :

| | Frk. sv. |
|---|---|
| Modelo 1 : Duonpaĝo kun blazono .......... | 37.50 |
| Modelo 2 : Kvaronpaĝo kun blazono ........ | 18,75 |
| Modelo 3 : Tri ĝis kvin linioj .............. | 6,25 |

(La sumoj respondas vice al 3, 1 ½, ½ kotizoj de MA, kaj valoras la koncernaj naciaj prezoj en la unuopaj landoj.)

II

*Varbado de Entreprenoj.* — La statuto de UEA diras pri tio :

« 13. Entreprenoj de UEA estas nomataj la societoj, korporacioj, firmoj k.t.p., kiuj, pagante ĉiujare fiksan sumon, deziras esprimi sian simpation al UEA aŭ rilati kun la Esperantistoj. Ili rajtas publikigi sian nomon en speciala parto de la jarlibro kaj ĝuas aliajn favorojn, konforme al regularo. »

Ni konstatas, ke la varbado de firmoj ne estas kontentiga. Escepte kelkaj Delegitoj (Brno, Stettin, Wiesbaden, Lisboa, London, Le Locle kaj malmultaj aliaj), la plej multaj Delegitoj kaj membroj hezitas klopodi en tiu-ĉi direkto. Ja ne devus esti malfacile konvinki firmon, hotelon, turisman organizaĵon pri *la reklama utilo de aliĝo al UEA !* Sed la nombro de entreprenoj dum la lastaj kvin jaroj apenaŭ atingis 100. Konsiderante, ke en dumil lokoj de la mondo estas Delegitoj, kvincent entreprenoj devus esti atingeblaj. La kotizo de 12,50 Frk. (nacia tarifo sama kiel por MA) certe *ne* estas la kaŭzo de la malbona varbefiko.

III

*Anoncoj-reklamoj.* — Ankaŭ tiurilate oni povus kaj devus fari multe pli. Kiel estas videble el la Financaj raportoj, la enspezoj por reklam-anoncoj grade malgrandiĝis. De 3.350 Frankoj en la jaro 1925 ĝi falis ĝis 1.200 en 1931 ! En tiu ĉi cifero vidiĝas unue la influo de la krizo kaj due, ke en 1925 la klopodado flanke de la Delegitoj estis pli forta. Ni volonte liveras necesan materialon (ekzemple represojn modelajn el la Jarlibro, leterpaperon k.t.p.) por entrepreni sisteman varbadon de reklamoj.

La ĝisnuna prezo de unu paĝo de reklamo estis 100 Frankoj svisaj. Por favorigi pli viglan varbadon ni fiksas novajn prezojn kaj kalkulmanieron por la unuopaj landoj.

1) Tuta paĝo 75.— Frk. sv. — 2) Duona paĝo : 37,50. — 1/4 paĝo : 18,75. — 4) Trilinia teksto : 6,25 Frk.

Ĝis nun la prezoj por reklamoj estis en Svisaj Frankoj kaj laŭ proksimuma taga kurzo. De nun ni konsentas transkalkulon laŭ sama bazo en nacia mono kiel por la kotizoj. Ekzemple tuta paĝo respondas al 6 kotizoj de MA aŭ 15 kotizoj de M. Do brita kliento pagas por tutpaĝa anonco anstataŭ 4 funtojn, kio respondas al 75 Frankoj svisaj, nur 6 × 10 ŝilingojn aŭ tri funtojn. La sama sistemo valoras por ĉiuj aliaj landoj. Tabelo de la prezoj faciligas la kalkulon.

IV

*Interrilata adresaro.* — La ĉefa aplikebleco de nia lingvo estas korespondi. Nur malmultaj povas vojaĝi. La skriba interrilato esperantista estas la plej bela pruvo, ke nia lingvo ekzistas kaj faciligas amikajn rilatojn, kion nacia lingvo inter fremduloj neniam kapablus. Por kuraĝigi tiun interŝanĝon de ideoj kaj objektoj, UEA ree enmetas en la Jarlibron 1933, specialan adresaron por korespondemuloj. Povas partopreni ĉiu esperantisto kiu deziras, do ankaŭ ne-Membro de UEA. La kosto estas por dulinia teksto Frk. 1,25 pagebla per 4 internaciaj respondkuponoj. Valoras la nacia tarifo por kotizoj, do 1/10 de MA kotizo. (Ekzemplo : La kotizo de MA en Francujo estas 40 Frk. fr. korespondas anonceto dulinia do 4 Frk. fr.).

Teksto kvarlinia kostas 2,50 Frk. Konsilinde estas elekti temojn parencajn por permesi sisteman klasigadon de la tekstoj.

**Resumo de la proponoj**

1. Pagotaj tekstoj pri-urbaj en telegrama stilo.
2. Varbado de entreprenoj.
3. Varbado de anoncoj-reklamoj kaj malgrandaj anoncetoj sub la teksto de rilata loko.
4. Interrilata adresaro kun anoncetoj pri interŝanĝo.

Kun la nuna numero estas sendataj mendiloj por la diversaj aferoj. La varbantoj uzu tiujn foliojn kaj transdonu ilin al la Delegito kaj se ne estas, ili sendu al la teritoria oficejo aŭ al la Centra Oficejo.

**Kaj fine : Kiel kunhelpi ?**

Singardema kalkulo, konsiderante ĉion por kaj kontraŭ de l' montritaj proponoj, konvinkigis nin, ke, se nur niaj Delegitoj penadas pri la efektivigo, ni ne rajtas atendi ekzemple unu

trionon de la bezonata mono. Ni tial alvokas la kunhelpon de ĉiuj.

Por kuraĝigi la varbadon de anoncoj, reklamoj kaj entreprenoj, ni konsentas premion same kiel ni tion faras por la varbado de kotizoj. La liston de la premioj ni komunikos en la venonta speciala numero, ĉar ĝi ankoraŭ ne estis preta dum ni redaktis la jenan tekston. Estos konsentataj premioj por ĉiuj varbadoj, escepte tiujn de malgrandaj anoncetoj por korespondado.

Eksterordinara tempo postulas eksterordinarajn rimedojn. Malsimile al registaro, kiu dekretas, ordonas kaj se necese perforte devigas fari ion, la estraro de internacia organizaĵo devas fidi je la

*kompreno kaj bonvolo de la membraro.*

Objektive rigardante, kiom ĉiujare la esperantistoj kapablas elspezi por plej variaj celoj esperantistaj, ŝajnas tamen, ke ĝi ankaŭ kapablos trovi pliajn enspezojn por ebligi al UEA la eldonon de la Jarlibro 1933. Ke tiuj enspezoj laŭ niaj proponoj ne venu nur el la poŝoj de la esperantistoj, tion vi vidis. Sed ke tiuj enspezoj venos al Esperanto dank' al via klopodo, pruvos vian komprenon pri la bezonoj de la afero Zamenhofa. Per via energia kunhelpo la Jarlibro 1933 estos jubilea eldonaĵo de UEA, inda kaj valora dokumento de l'aktiva esperantismo !

UEA vivu, kresku kaj floru !

*Direktoro de UEA.*

**Prez-Tabelo por la Jarlibro 1933**

| Lando | Mono | Reklamo-Anoncoj | | | | Entreprenoj | Interrilata Adresaro |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | 1/1 | ½ | 1/4 | 3 linioj | | |
| Albana ..... | Lek | 75 | 37.50 | 18.75 | 6.25 | 12.50 | 1.25 |
| Argentina... | Peso | 37.50 | 18.75 | 9.30 | 3.10 | 6.25 | 0.60 |
| Aŭstralia ... | Ŝil. | 75 | 37.6 | 18/9 | 6/2 | 12/6 | 1/3 |
| Aŭstria .... | Ŝil. | 75 | 37.50 | 18.75 | 6.25 | 12.50 | 1.25 |
| Belga ...... | Frk. | 240 | 120.— | 60.— | 20.— | 40.— | 4.— |
| Brazila ..... | Milr. | 150.— | 75.— | 37.50 | 12.50 | 25.— | 2.50 |
| Brita ...... | Ŝil. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1 |
| Bulgara .... | Lev. | 1200 | 600 | 300 | 100 | 200 | 20 |
| Ĉeĥoslov. ... | Kç. | 300 | 150 | 75 | 25 | 50 | 5 |
| Ĉina ....... | Oni bonvolu pagi laŭ franca tarifo kaj mono | | | | | | |
| Dana....... | Kr. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1 |
| Danzig ..... | Guld. | 75.— | 37.50 | 18.75 | 6.25 | 12.50 | 1.25 |
| Estona ..... | Kr. | 30 | 15 | 7.50 | 2.50 | 5 | 0.50 |
| Finna ...... | Fmk. | 450 | 225 | 112.50 | 37.50 | 75 | 7.50 |
| Franca ..... | Fr. | 240 | 120 | 60 | 20 | 40 | 4.— |
| Germana ... | Rmk. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1 |
| Greka ...... | Dr. | 720 | 360 | 180 | 60 | 120 | 12.— |
| Hispana .... | Pes. | 90 | 45 | 22.50 | 7.50 | 15 | 1.50 |
| Hungara.... | Peng. | 75.— | 37.50 | 18.75 | 6.25 | 12.50 | 1.25 |
| Irlanda ..... | Ŝil. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1 |
| Islanda ..... | Kr. | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1 |
| Itala ....... | L. | 180 | 90 | 45 | 15 | 30 | 3 |
| Japana ..... | Jen | 30 | 15 | 7.50 | 2.50 | 5 | 0.50 |
| Jugoslava... | Din. | 600 | 300 | 150 | 50 | 100 | 10 |
| Kanada .... | Dol. | 15 | 7.50 | 3.75 | 1.25 | 2.50 | 0.25 |
| Kuba ...... | Dol. | 15 | 7.50 | 3.75 | 1.25 | 2.50 | 0.25 |
| Latva ...... | Lat | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1.— |
| Litova ..... | Lit | 120 | 60 | 30 | 10 | 20 | 2.— |
| Nederlanda . | Guld. | 37.50 | 18.75 | 9.30 | 3.10 | 6.25 | 0.60 |
| Norvega .... | Kr | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1.— |
| Pola ....... | Zlot | 90 | 45 | 22.50 | 7.50 | 15 | 1.50 |
| Persa ...... | Oni povas pagi laŭ franca tarifo kaj mono | | | | | | |
| Portugala .. | Esk. | 180 | 90 | 45 | 15 | 30 | 3.— |
| Rumana ... | Lej | 1500 | 750 | 375 | 125 | 250 | 25.— |
| Sveda ...... | Kr | 60 | 30 | 15 | 5 | 10 | 1.— |
| Svisa ...... | Fr. | 75.-- | 37.50 | 18.75 | 6.25 | 12.50 | 1.25 |
| Turka ...... | Piastr | 1800 | 900 | 450 | 150 | 300 | 30.— |
| Urugvaja ... | Peso | 30.— | 15.— | 7.50 | 2.50 | 5.— | 0.50 |
| Usona ..... | Dol. | 15 | 7.50 | 3.75 | 1.25 | 2.50 | 0.25 |

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

## Oficiala Informilo

**Administra jaro 1932 N-ro 19 Aŭg.-Septembro 1932**

*Stato de UEA.* — Je la 31 Julio 1932 la Centra Kaso enskribis kotizojn (de unua de Nov. 1931 ĝis 31 Julio 1932). — Por komparo servu la nombroj por 1931, je sama epoko :

| *1932* | *Kotizoj :* | *1931* |
|---|---|---|
| 101 | Helpmembroj | 99 |
| 2.680 | Membroj (M) | 2.473 |
| 4.242 | Membro-Abonantoj (MA) | 4.866 |
| 530 | Membro-Subtenantoj (MS) | 480 |
| 7.553 (1932) | Stato 31an de Julio: | (1931 7.918 |

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi Dumvivan Membrecon de UEA :

*Atesto: Dua Serio:*

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo ............................ | Frk. Svis. | 14.400.— |
| 49. F-ino Agnès Champy, Anvers Belg. .... | » | 300.— |
| 50. F-ino Yvonne Jakob, Genève .......... | » | 300.— |
| | Frk. Svis. | 15.000.— |

*Elekto de ĉefdelegitoj.* — La komisiono de UEA, post raporto de la Direktoro, starigis teritorion de UEA Litovujo, kiu ampleksas la tutan landon kaj elektis ĉefdelegitinon, S-inon Emilio Janicki en Kaunas.

Ĝi aprobis la elekton de S-ro Otto Ginz, ĝisnuna Delegito de UEA en Praha, kiel grandurban ĉefdelegiton kun gratuloj kaj dankoj por ĝisnuna fidela servado.

*Jarlibro 1932.* — Ĝi fine aperis dum Julio kaj estis dissendita al ĉiuj pagintaj anoj. Personoj kiuj ne ricevis ĝin, bonvolu tion konigi al la Centra Oficejo aŭ al la Teritoria Oficejo.

*Adresaro.* — Pro manko de loko la informoj pri la adresaro de Delegitoj, novaj lokoj kaj ŝanĝoj k.t.p., aperos en la venonta numero.

Genève, 15 Aŭgusto 1932. *Direktoro de UEA.*

# Por helpi al UEA

La alvoko de la Komisiono de UEA trovis ĝojigan eĥon en la vico de nia membraro kaj kuraĝigaj estas la leteroj kiujn ni ricevis. Ili pruvas unu fojon plian, kiom UEA enradikiĝis en la koro de l'esperantistoj.

La Centra Kaso malfermis specialan konton por tiuj donacoj, kiuj servas entute por kovri la perdon kaŭzatan dum 1932 el la falo de la monkurzoj. Ni raportas sinsekve pri tio.

DUA LISTO :

| | |
|---|---|
| Stato 31-an de Majo 1932: 31 donacintoj | *Fr. sv. 2olo.* 63 |
| 32. S-ro Mussi, Ostrelij, Jugoslavio | 20.— Dinar. |
| 33. S-ro Smith Watford, Brit. | 5.— Ŝil. |
| 34. Esp. Federamio de Suda Kimrujo | 9.— Ŝil. |
| 35. S-ro Delfi Dalmau, Barcelona | 100 Pesetoj. |
| 36. Sennomulo en Usono | 26.10 Fr. sv. |
| 37. S-ro Guéeritte, Surbiton, Angl. | 100 Fr. sv. |
| 38. S-ro Hastings, Washington | 2.50 Fr. sv. |
| 49. S-ro Frant. Pytloun, Bakov n.J. | 50 Kĉ. |
| 40. S-ro Miloslav Khun, Kremnica | 25 Kĉ. |
| 41. S-ro Laldislav Kola, Prukonice, CSR. | 30 Kĉ. |
| 42. Ekskursantoj de G.E.L., Reichenberg | 16 Kĉ. |
| 43. D-ro Wilh. Dietl, Graz | 5 Ŝil. |
| 44. F-ino Ethel M. Priestman, Welwyn Garden | 1 brita funto. |
| 45. F-ino E. G. Stacy, London | 1 brita funto. |
| 46. F-ino E. R. Mitchell, London | 10 Ŝil. |
| 47. Brita Kongreso en Southport | 2 brit. funtoj. |
| 48. S-ro Fried. Bierhoff, Kreuzlingen | 10 Fr. sv. |
| 49. Verdano | 0.90 Fr. sv. |
| 50. S-ro Martin, Laigle (por servo) | 25.— Fr. fr. |

Sume 50 donacintoj. Valoro en Fr. sv. 2.315.88

Al ĉiuj bonvoluloj koran dankon.

Genève, 30 Junio 1932. *Centra Kaso de UEA.*

## ▣ BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA ▣

### Novaj libroj 1932

F. P. Kiehl. — *An der Ostfront nichts neues, Weltkriegserleben eines Elsässers.* Heitz & Co., Strassburg. 310 p. 13,5×19,5 cm. (32-21).

R. de San Millan Alonso. — Mia Poezio — (originale verkita). Hispana Esperanto Asocio, Madrid. 62 p. 12,5 × 17,5 cm. (1932-22).

Sten Bergmann. — *Tra Sovaĝa Kamĉatko.* Eldona Societo Esperanto, Stockholm. 276 p. 14 × 21 cm. Prezo Kr. 4.50. (1932-23).

S. Rublof. — *Cours prolétarien d'Espéranto* (Proleta Esperanta Kurso). France adaptis M. Boubou & V. Elsudo. Ekrelo, Leipzig. 64 p. 17,5 × 25,5 cm. Prezo : Gmk. 1.—. (1932-24).

S. Bezborodov. — *Pro kio Johann Liebhardt estis premiita je ordono de Lenin.* Ekrelo, Leipzig. 32 p. 12,5 × 17 cm. Prezo Gmk. 0.30. (1932-25).

Volodimir Kuzmic. — *Solidareco* (Novelo). Ekrelo, Leipzig. 66 p. 12,5 × 17,5 cm. Prezo : Gmk. 0,80. (1932-26).

H. M. Hrima. — *Ĉe Abismo* (Rakontoj). Ekrelo, Leipzig. 46 p. 12 × 17 cm. Prezo : Gmk. o.45. (1932-27).

Diversaj Aŭtoroj. — *Apud Landlimoj.* Ekrelo, Leipzig. 80 p. 12 × 17,5 cm. Prezo : Gmk. 0.90. (1932-28).

***. — *La Krizo, Iom el la aktuala politiko.* Ekrelo, Leipzig. 23 p. 12 × 19 cm. Prezo : Gmk. 0.15. (1932-29).

***. — *Was wir in Sowjet-Russland erlebten.* Arbeiter-Esperanto-Bund, Berlin. 16 p. 14,5 × 20,5 cm. (1930-30).

I. Toscanini. — *Rakontoj por Geknaboj.* Tradukis R. Castagnino. A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italujo). . 88 p. 13 × 19,5 cm. (1932-31).

Serb-kroata Ŝlosilo de Esperanto. — *Ključ Esperanta.* V. Buk, Slav. Brod. 40 p. 7,5 × 11,5 cm. Prezo 2 Din. (1932-32).

Sveda Ŝlosilo de Esperanto. — *Nyckel till Esperanto.* 9a eldono, 101-120 miloj. Sub aŭspicoj de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, eldonis Forlagsföreningen Esperanto u.p.a., Stockholm. 32 p. 7,5 × 11,5 cm. Prezo lo öre. (1932-33).

A. Schild. — *Esperanto-Stenografio laŭ Sistemo Aimé Paris.* Aŭtora eldono, Basel. 21 p. 21 × 29,5 cm. Prezo sv. fr. 1,50. (1932-34).

Rampo Edogaua. — *Ora Masko.* (Volumo I), trad. J. Simomura Japana Esperanto-Asocio, Tokio. 110 p. 19 × 13,5. (1932-35).

Norbert Bartelmes. — *Unua Legolibro.* Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris. Prezo 1.— Mk. 101 p. 17 × 12. (1932-36).

Alexandre Dumas. — *Tri Rakontoj, el Impresoj de Vojaĝoj* (1836.) Tradukis E. Deligny. Havebla ĉe S-ro E. Deligny, St. Omer France). 38 p. 21 × 12. (1932-37).

Sennacieca Asocio Tutmonda. — *Jarlibro* 1932. SAT., Paris. 140 p. 16,5 × 12. (1932-38).

Francisko Szilagyi. — *Trans la Fabeloceano.* Literatura Mondo, Budapest. 135 p. 19,5 × 13. Prezo : broŝ. 0.60, bind. 1.00 Dolar. (1932-39).

Abdul Baha. — *Parizaj Paroladoj de....* — El angla eldono tradukis Lidja Zamenhof. Bahaa Esperanto Eldonejo, Weinheim (Baden) Germanujo. 103 p. 23 × 15,5. Prezo : Gmk. 2.60. (1932-40).

D. Fajnŝtejn. — *Prospekto de la Mnemonika Instituto de Profesoro..* 14 p. 21 × 14. Havebla senpage. (1932-41).

***. — 1932 *Ars Supplement till* 1931 *ars Jubileumsmatrikel.* Svenska Esperanto-Förbundet, Stockholm (Sveda Esperanta Federacio). 46 p. 20,5 × 13,5. (1932-42).

D-ro Siegfried Liebeck. — *Juristisches Wörterbuch Deutsch-Esperanto.* Druck und Verlag Max Haase, Berlin. 86 p. 17.5 × 12. Prezo : 1,60 Gmk. (1932-43).

Naum Jeruŝalmi. — *Eksiĝo.* Tradukis, komentis kaj redaktis L. Vienano Eldonejo N. Szapiro, Warszawa. 40 p. 19 × 13,5. Prezo : sv. fr. 0,45. (1932-44).

Kooji Tasiro. — La Unua Suplementa Legolibro de Esperanto. Eldonejo Kiboŝa, Tokio. 98 p. 21 × 14,5. (1932-45).

D-ro Helen Keller. — *Ni vojaĝas al Jugoslavio.* Tradukis B. Rajsic. Presejo « Nova Lumo » por Blinduloj en la Zemuno. Prezo : Din. 5.—. 32 p. 23 × 15. (Por helpi la Blindulojn). (1932-46).

Dr. Szilagyi Ferenc. — *Az Eszeperanto Nyelv* (La Simpla Esperanto). — Literatura Mondo, Budapest. 22,5 × 15,5. 40 p. (1932-47).

Genthon Istvan. — *La Pentroarto en la Malnova Hungarujo.* Tradukis F. Szilagyi. Literatura Mondo, Budapest. 72 + 96 p. 24 × 16,5. Prezo : bind. Dolar. 3.—. (1932-48).

M. Ljubin. — *Ruĝa Aŭroro* (poemoj). Ekrelo, Leipzig. 32 p. 14,5 × 11. Prezo : Gmk. p0,25. (1932-49).

I. Flamo. — *La Maja Festo* (Rakontoj). Ekrelo, Leipzig. 46 p. 14,5 × 10,5. Prezo : Gmk. 0,20. (1932-50).

## Grand-Magazeno Stafa en Vieno

subtenas la E-movadon. Dank'al la penado de S-ro R. M. Frey, Kalkulkonsilanto, tiu ĉi grandega magazeno en Vieno aranĝis kurson de Esperanto por la publiko. La firmo aliĝis al UEA kiel entrepreno kaj montras multan intereson al nia afero.




*Stafa Magazeno, Mariahilferstrasse* 120, *Wien.*

Okazas de nun ĉiujaŭde posttagmeze konversaciaj kunvenoj sub gvido de S-ino Marie Kasmader (16-18 h). Lokaj kaj eksterlandaj samideanoj estas kore invitataj, sen devigo aĉeti ion en la magazenoj. Stafa situas en plej frekventata tarfik-punkto de la urbo (R.M.F.)

# Esperantista vivo

### Naskiĝoj

*** Al Gesinjoroj Ysselstein, Delegito de UEA en Schiedam, Nederlando, fileto Andreo Ludoviko, 11. Julio 1932.

*** Al Gesinjoroj K. Meinel, D de UEA en Ellefeld i.V., Germanujo, fileto, 3 Junio 1932.

### Fianciĝoj

*** S-ro Zdenek Blazek, ano de UEA en Mnichovo Hradište, Ĉeĥoslov., kun F-ino M. Svobodova.

*** S-ro Latif Jumerov, ano de UEA 33876, el Vratza, Bulgar., kun F-ino Fitnat Hafiz Ahmed Kadirora el urbo Svištov, 20.VI.32.

### Edziĝo

*** S-ro Jan Tromp, ano de UEA en Zaandam, Nederlando kun F-ino Niesje Elisabeth Stroo, 22 Julio 1932.

### Honorigo

*** D-ro Augustin Pitlik, Vicprezidanto de la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista kaj S-ro Al. Šikl, ambaŭ en Praha estas dekoraciitaj per la finnlanda ordeno de Blanka Rozo, unua klaso, pro meritoj pri la interrilatoj ĉeĥoslovakaj-finnlandaj.

## Trafik-signalado

Laŭ iniciato de nia samideano Jean Guerrini, la polica Komisario en Cagnes sur Mer, S-ro Tosello Bancal, lokigis 30 signalfostojn kun teksto dulingva : Franca kaj en Esperanto. Ni memoru ke jam en du aliaj turismaj lokoj — Cannes kaj Nice — ekzistas tiaj trafiksignaloj kun teksto en Esperanto apud la enlanda lingvo.




S-ino Elisabeta Seriŝeva, patrino de konata verkisto kaj propagandisto Inocento Seriŝev, ortodoksa pastro rusa en ekzilo, 72 jara samideanino, fervore peninte por nia afero ; (Barnaul, Siberio, Marto 1932.)

F-ino D-ro Gertrud Adrian en Buer, eks-membrino de UEA (Laŭ Juna Batalanto).

S-ino Vera Winterhalter, edzino de D-ro Ivo Winterhalter, advokato en Maribor, Jugoslavio, 4. Julio 1932, post granda sufero.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ino Marcelle Tiard, Paris. En antaŭa numero ni informis pri la subita morto de tiu-ĉi simpatia samideanino, fidela kaj fervora propagandistino franca. Malavare ŝi subtenis ĉiun klopodon, kiu celis efektivigi la idealon de la kreinto de Esperanto. Sopire ŝi atendis la 24an kongreson en Parizo, sed la senkompata sorto ne volis tion, Operacio pro apendicito finigis tiun riĉan vivon, 1. Junio 1932.



S-ro Nauu Canĝia Fu, Delegito de UEA en Chinkiang, Ĉinlando., Marto 32. (Laŭ letero de Warug Jeh Jai, Soochow).

D-ro Max Leo, samideano el Dresden, en Kobe (Japan). Instalinte Fot-kemian instituton por la registaro japana, li povis interkompreniĝi nur en Esperanto kun siaj kunlaborantoj.



Alfred Christensen.

S-ro Alfred Christensen, Prezidanto de la Centra Dana Esperantista Ligo, Odense, 13 Junio 32, ano de UEA 13801. 46 jaraĝa. Simpla, laborema propagandisto, nelacigebla kaj persista.

S-ro Ernst Klemm, Supera instruisto en Chemnitz, tre agema samideano, ano de UEA 23521, 73 jara, 13. Junio 1932.

D-ro Linse, malnova samideano kaj iama kunredaktoro de la Germana Esperantisto, dum 1909 estro de la Propaganda centro en Berlin., Aprilo 1932 Frankfurt am Main. (Laŭ G.E.).

S-ro J. W. F. Poolen, Ano de UEA 8459 en Rotterdam, 12 Aprilo 1932. Fidela ano de nia Asocio depost 1913. La enterigon ĉeestis 60 samideanoj, kaj parolis ĉe la tombo S-ro Vermaas, Delegito kaj Honora Membro kaj Ĉefdelegito nederlanda S-ro Telling.

S-ro G. Noble Farmer, Ano de UEA 4495, seninterrompe ano de nia Asocio depost 1912. Marto 1932, 83 jara., London.

S-ro C. D. Baxendall, Ano de UEA 13717, depost 1915 seninterrompe ano de nia Asocio, 16 Marto 1932, London.

S-ro Antin Karatnyckyj, Vicdelegito de UEA en Kolomea (Polujo) sekretario kaj fondinto de Progreso, Landa Societo de Ukrainaj esperantistoj, akcidente en rivero Prut 9.7.32. La lokaj samideanoj partoprenis la funebran ceremonion.

*Sinceran kunsenton !*

## En kelkaj linioj



*** La oficiala gazeto de la hungara ŝtata turisma konsilantaro kaj la ŝtataj fervojoj sub titolo « Idegenforgalmi Tudosito » (Fremdultrafika Sciigilo) aperigas en ĉiu numero sciigojn pri Esperanto.

*Sendu dankon* al ĉefredaktisto *Tabori* Kornel, honora membro de HES, (adreso sub supra gazeto/ Budapest, VI., Andrassy-ut 73).

Se vi scias ian interesan turisman novajon rilate Hungarujon kaj Esperanton, se vi faras paroladon en Esperanto pri Hungarujo ie, sendu al li sciigon, ke li aperigu !

*** La akciuloj de la eks-Presa Esperantista Societo (antaŭe rue Lacépède 33, Paris) estas insiste petataj skribi al F-ino C. Royer, 14 rue des Carmes, Paris 5, konigante sian detalan adreson kaj montrante la nombron de siaj duaseriaj akcioj.

*** Plej juna ano de UEA estas F-ino Dianto Chomette, naskiĝinta la 9an de Majo 1932. La gepatroj renkontiĝis dum la antverpena kongreso 1928 kaj poste geedziĝis. Ili konstante interparolas en Esperanto kaj ili intencas instrui ĝin kiel unuan lingvon al la infano.

*** Kurso por kandidatoj de la ŝtataj ekzamenoj de Esperanto okazos en Praha 1. Oktobro 1932 — 28. Februaro 1933. Pri ĝi estas granda intereso jam nun. Ĉiu interesito turnu sin al Ĉeĥoslovaka esperanta instituto, Praha-II. Kremencova No. 17.

## * Faka movado *

### Esperanto kaj stenografio

La intereso pri Esperanto-stenografio kreskas iom post iom. La Germana Stenograf-Unio « Stolze-Schrey » en Berlino informas nin pri apero de 2 interesaj artikoloj pri Esperanto-stenografio Ĝenerale kaj la adapto de la sistemo Stolze-Schrey en la plej disvastigita stenografi-organo germana « Der Schriftwart ». Ambaŭ artikoloj estas verkitaj de Robert Kreuz, L.K., direktoro de la I.C.K. en Ĝenevo kaj konata stenografo laŭ la nomita sistemo. La adapto de la sistemo, alfarita al 20 lingvoj, estas sukcese uzata de multaj por stenografi Esperanton.

### Radiotelegrafistoj

Iam ni bezonos interkomunikiĝi per radio kaj ĉar ne ekzistas la necesa alfabeto, mi volas proponi al ĉiuj Radiotelegrafistoj samideanoj la uzadon de nuna alfabeto kun la unika ŝanĝo nome : la literoj estos la sama el la Morsa Alfabeto esceptante la sekvantaj. Ĉ Ĝ,, H J kaj Ŝ, ke estos la samaj el la Morsa Alfabeton sed, jus post la signalon... Tiel estos tre facila la interkomunikado per nia kara lingvo

Se mia propono estus akceptota, mi estus ankaŭ tre feliĉa esti iomete utila. Tion esperante, mi sendas al ĉiuj tutkorajn salutojn.

Primitivo Garrido. Ano de la UEA kaj Radiotelegrafisto el la Hispana Aeronautiko Armeo, Larache, Maroko.

### Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio

En la pasinta jaro nia Asocio spertis gravan, ne antaŭvideblan nek eviteblan monperdon. Pro tio nia tre fervora redaktoro, D-ro Kempeneers dum kelka tempo devis ĉesigi la aperadon de I.M.R. (Internacia Medicina Revuo). Estante konsciaj ke eble kolegoj, miskomprenante la situacion, forlasos niajn vicojn, mi turnas nin al la bonvolo de niaj amikoj kun la urĝa peto rezervi al nia afero la longtempe prezentitan fidelecon.

La tempo estas vere kriza por ĉiuj, sed ankaŭ nun la malgranda elspezo de 1 dolaro jare ne elreligos la budĝeton de niaj membroj. Tial mi alvokas vin, karaj kolegoj : restu fidelaj kaj, se eble, varbu novajn abonantojn. Memoru la proverbon : concordia parvae res crescunt, discordia maximae dilabuntur. Kun kolegaj salutoj

D-ro Bluth, vicprezidanto de T.E.K.A.

### Skoltoj

En Aŭtuno alvoku la skoltaron de via loko por lerni Esperanton. Ili preparas sin por *mondtendarego en Hungarujo* kaj tial ili bezonas Esperanton, kiu estas unu el la oficialaj lingvoj de la ĵamboreo ! Pro sama kaŭzo ili interesiĝas pri Budapest, do vi unue proponu al ili *lumbildparoladon* pri Budapest en sia propra lingvo. (70 belajn fotojn sur filmrubandeto, uzebla en kutima kino-aparato ni sendas senpage kun klariga teksteto ankaŭ afiŝon, se la parolado estas jam *certigata* !) Dum la parolado vi povas lerte paroli pri neceso, utilo kaj lernado de Esperanto kaj proponi kurson. Ni deziras ankaŭ korespondantojn el diverslandaj skoltoj. Pluajn informojn ni volonte donas : Skolta Esperanto-Rondo, Budapest, V., Nagy- Sandor-u. 6.

### Leipzig-a Foiro

Ĉiuj gesamideanoj, kiuj vizitos la Leipzig-an Aŭtunan Foiron 1932 estas petataj, viziti la oficialan Foiro-Renkontejon de la Esperantistoj en la oficejo de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, kiu de nun troviĝas Johannisplatz 5 korto-domo IIa etaĝo, neplu en la malnova ejo.

Cetere ili kore estas invitataj, viziti la Foiran kunvenon arangotan de la Leipzig-a Grupo en kafejo « Bienenkorb » Dresdner Strasse 8. Ĝi okazos lunde la 29an de Aŭgusto je la 8a vespere.




## Internacia Polica Ligo

### Oficiala Informilo

Nia landa delegito, sinjoro E. Lipik, Berlin N.O. 18, Landsbergerstrasse 33, kolektas bildojn, kiuj prezentas policistojn dum deĵorplenumoj diversspecaj. Li jam nun starigis tian arkivon por eluzi ĝin propagandcele. Ni petas nian liganaron, nepre subteni sinjoron Lipik, informi lin pri ĉiuj okazoj kun tiaj momentoj, havigi al li ankaŭ bildojn, kiuj iel ajn rilatas la uzadon de nia lingvo inter la policistaro. La propagando per tiaj bildoj jam nun povas komenci, la arkivo jam nun disponas pri 600 kliŝoj. Ankaŭ la redakcioj de la esperantaj Revuoj estas petataj, nepre alsendi tiajn jam uzitajn kaj de ili ne plu bezonatajn kliŝojn. Al ilia dispono ankaŭ estas kliŝoj el la arkivo.

Sinjoro Lipik speciale ankaŭ interrilatas kun la estraro de la Internacia Polica Federacio en la persono de ĝia sekretario, sinjoro Winkler, Berlin. Ĉi tiu Federacio nunjare konferencos en Amsterdam. La klopodoj de sinjoro Lipik celas aranĝi esperantlingvan kurson por la partoprenontoj de ĉi tiu konferenco dum ĝia daŭro. Ni esperu atingi tian sukceson !

Sinjoro Schulze raportas el Chemnitz, ke tie denove ekregas la intereso por nia lingvo inter la policistaro. Kelkaj policistoj jam partoprenas novan esperantlingvan kurson por plenumi ekzamenon en Majo kaj ricevi la permeson, oficiale porti lingvan insignon dum la deĵoro.

Plue la grupo Antwerpen, ĝia sekretario sinjoro Edm. v.d. Aŭwera, alsendis grupan raporton laŭ jena teksto :

Nia grupo ĉiam tre vigle laboras. Je la 26.2.32 okazis tre interesa kunveno. La komitato kaj la membraro speciale festis la grupan prezidanton, sinjoron Derweduwen, Jules, en ĉi tiu kunveno. La sekretario, sinjoro Van der Auwera solene honorigis sinjoron Derweduven, la landan delegiton de I.P.L., okaze de lia promocio kiel polica komisario en Antwerpen. Li speciale dankis al la prezidanto por la grandamorala subteno, kiun li donis al la grupo kaj al la policfaka esperantlingva movado. Sinjoro Derwenduwen afable dankis kaj donis la certigon de sia preteco ĉiam kunhelpi por pligrandigi kaj plifortigi la esperantlingvan movadon inter policistoj de ĉiuj rangoj.

La promocio de la grupa prezidanto kiel polica komisario estas tre valorplena por nia lingva movado inter la policistaro de Antwerpen.

La prezidanto ankaŭ honore dankis al la ĝisnuna kasisto sinjoro Dreyepondt, Jozef, kiu depost la jaro 1911 fidele kunlaboris en nia movado por nun forlasi la polican deĵoron, vivi kiel pensionulo. La grupo deziris al li multjaran vivon en feliĉo kaj saneco.

Kiel novan kasiston la kunveno elektis sinjoron Scheipers, Jos.

Tutkore ni danku la grupon Antwerpen per aldono de niaj gratuloj al sinjoro Derwenduwen kaj de nia speciala danko al sinjoro, inspektoro Dreyepondt.

La germanlandaj policaj fakrevuoj « Die Deutsche Polizei, Die Thüringische Polizei, Die Sächsische Polizei » lastmonate publikigis artikolojn de nia liga redaktoro pri lingvaj malhelpajoj en internaciaj interrilatoj. La artikoloj celas veki la intereson por nia lingva movado inter la tuta policistaro, por atingi kunhelpon de la fakligaj estraroj en la disvastigo de nia lingvo. Nur per helpo de la plimulto al la tuta policistaro ni povas atingi nian fincelon, la oficialan enkondukon de nia helplingvo en la internacia servo de la polico !

A. Pohle,
Liga redaktoro.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj:* L-letero; PK-poŝtkarto; PI-poŝtkarto ilustr.; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko; Gaz.-gazeto; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj C.r.-certe respondos.

*Aizpute* (Latvio). — D-ro P. Zvirgzdinŝ, Boju iela 16. PM. laŭ Michel aŭ kvanton je kvanto.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95 (Box H & P) nur PM. malrespondas bagatelojn.

*Anvers* (Belgujo). — S-ro C. Goossens, rue de Bom 27, PM sendu 50 diversajn el via lando mi sendos saman kvanton el Belgujo.

*Barcelona* (Hispan.). — F-ino Adela Castaner, Asturias 11 tienda, PI.

*Bouchout* (Antverpeno Belgujo). — F-ino J. Mylemans, Van Colenstraat 9, deziras interŝanĝi PM. Nepre respondos.

*Budapest.* — Kun skolto kaj knaboj deziras korespondi (inter aĝo 12-22) la membraro de Hungara Skolta Esperanto Rondo, Budapest, V., Nagy Sandor-u. 6. (Diru tion al lokaj skolt-trupoj!)

*Burgas* (Bulg.). — S-ro Vangel Markov, fervojoficisto ulica « Vardar » N 25, L. PK. kun gesamideanoj el la tuta mondo. Certe respondas.

*Douro I* (Portugal). — S-ro Armando Martins, Felgar, PI., k.ĉ.l.

*Frydek 2* (Ĉeĥoslov.). — S-ro D. Suŝovskij, Staré Mesto 74, seriozan kor-don kun familioj el apudmaraj regionoj kaj maraj banlokoj.

*Görlitz* (Germanujo). — Esperantista grupo « Verda Stelo », propona, viglan korespondadon k.ĉ.l. L. PI. La estraro kontrolas kajs garantias respondon. Skribu al Gerhard Langner, Zeppelinstr. 13.

*Helsinki* (Finnlando). — S-ro Leo Jalava, ĉefdelegito de UEA, Maarinakatu 17, PM kun seriozaj kolektantoj en ĉiuj eŭropaj landoj laŭ mankolisto sur la bazo de Michel 1932.

*Karnobat* (Bulgar.). — S-ro Genĉo Kojĉev, juĝisto, PM kontraŭ samvaloraj eksterlandaj laŭ Yvert 1932. Interesiĝas ankaŭ pri foto-amatoreco kaj pentro-art. Respondas ĉiam.

*Larache* (Maroko). — S-ro Primitivo Garrido, Aviacion Militar, PI. kun fremdlandaj fraŭlinoj. Certege resp.

*Louny 6* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jozka Ŝkorpil, firma David. Juna poeto PK., L. interŝanĝi objektojn k.ĉ.l.

*Malmö* (Svedlando). — Ni estas 34 filatelistoj en nia klubo kiu serĉas fidelajn interŝanĝ-amikojn en: Albanio, Aŭstrio, Bulgario, Belgio, Monaco, Luksemburgo, Svislando, Hispanio, Portagulo, San Marino, Malta, Islando, k.t.p. kaj ĉiuj landoj kaj insuloj de ekster-Eŭropo. Mi petas skribu ĉiuj filatelistoj kaj afranku filatelie. Ni faros same. Eric Henricsson, Föreningsgatan 87 c.

*Malmö* (Sved.). — S-ro Aksel Paulssen, Kungsgatan 54, Pi., kun samideanoj en Afriko, Azio, Aŭstralio kaj Suda Ameriko.

*Mexico D. F.* (Meksiko). — S-ro M. C. Rodriguez, Apartado 2482, PM k.ĉ.l. escepte Francujo, Germanujo, Ĉeĥoslovakio, Anglujo, Italujo kaj Usono. Nepre respondas.

*Minsk* (Sovetio). — S-ro Petro Sulkovskij, Kladbisĉenskaja 27, kv. 2, deziras interŝanĝi riĉe ilustritan gazeton Projektor kontraŭ Esperanto de UEA.

*Mischam* (Aŭstralio, Victoria). — S-ro H. M. Lanyon, serĉas korespondadon por klasanoj (Kursanoj).

*Mortsel* (Belgujo). — F-ino Pauwels Colette, Prins Leopoldlei 64, pki, k.ĉ.l. escepte Ĉeĥosl.

*Narrogin* (Western Australia). — S-ro L. Illingworth, poŝtkesto 21, loo-250 uzitajn PM kun Turkio, Danzig, Sovetio, Norvegio kaj ekster-eŭropaj landoj.

*Nebory poŝto Ropice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Ŝtepan, instruisto, PM., fot-ajoj, L., PI., k.ĉ.l.

*Neuchâtel* (Svislando). — S-ro Emmanuel Zürcher, instruisto, PM. (500-1000) svisajn kontraŭ la sama kvanto el ĉiuj landoj, por la 25 geknaboj de sia klaso (13-14 jaraj filatelistoj). Kun instruistoj aŭ seriozaj kolektantoj. Certe kaj tuj respondos.

*Rethel* (Francujo). — S-ro Desray, korespondas k.ĉ.l.

*Sofia* (Bulgar.). — S-ro Ivan H. Krestanov, str. 6 Septemvri n-ro 2, por dudek lernantinoj de la Komerca Gimnazio Minerva, kie Esperanto estas devige instruata, PI. L. Respondos certe.

*Tirnovo* (Bulg.). — S-ro Todor Botev, Ĝandarmeriiski podoficer, L., PK. kun gesamideanojj el la tuta mondo.

*Videniŝkiu* (Varniskes, Litovio). — S-ro V. Rakauskas PI., kun legantoj de « Esperanto ».

*Vlissingen* (Nederlando). — S-ro D. F. van Rosevelt, sekretario de la Esp. Societo La verda stelo, por la membroj. Respondo garantiata.

*Wellington* (New Zealand). — S-ro Miroslav Pavlinovich, c-o G.P.O., L., PI., k.ĉ.l., precipe kun Ĉeĥoslovakaj kaj Francaj gejunuloj en Esp., Angle, aŭ Kroate.

## Petoj kaj Proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

*Adresaro.* — BES-Adresaro de Esperantistoj el ĉiuj landoj aperis. Prezo: Unu ekz. 1.— Frk. svisa. — Mendu ĉe: E-Eldonejo, BES, Poŝtejn, Ĉeĥoslov.

*Adreso petata.* — Por eviti malbonan konkludon mi petas samideanon Jan Cosola, lastatempe en Nice, sciigi al mi sian nunan farton kaj adreson. Perado rekompencata. Julio Kreibich, pordisto. Hôtel Metropole, Chamonix, France.

*Atentu!* Esperanto-organizajoj kaj eldonistoj bonvolu sendi propagando- kaj reklammaterialon por ekspoziciaj celoj kaj regule memori pri jena adreso: Belga Skolta Esperanto-Sekretariejo, Propagando-Fako, 26 Tweelingenstraat, Antverpeno (Belgujo). Kun antaŭdanko.

*Edziĝdeziro.* — Vidvo, 33 jara, mezalta blonda ŝatus edziĝi kun esperantistino, fraŭlino aŭ eksedzino, sen infano. Johano Tonigold, Kraljevica Marka ul. 47, Stari Becej, Dunavska Banovina (Jugosl.).

*Fotografistoj — Amatoroj kaj Profesiuloj!* — Refoje mi turnas min al ĉiuj samideanoj de la tuta mondo, kiuj ne ankoraŭ anonciĝis, kun la peto sendi tuj siajn adresojn al la subskribinto. Celata estas: eldono de adresaro, starigo de internacia organizo, kreo de fotografia terminaro, fondo de foto-revuo. — Wlodzimierz Pfeiffer, Delegito de UEA, Ksiegarnia Fiszera, Lodz, Pollando.

*Grandan rekompencon* — ricevos tiu, kiu indikos al mi rimedon, per kio la fibestulo, kruelege mortmartelinta mian dormantan fraton, frumatene je la 9-a de Junio 1932, estos kaptita. Ĝi vundis ĉiujn familianojn — mian 70 jaran patron alkurinta por helpi. Veninta al tiu ĉi kruelajo mi staris kaj ankoraŭ staras antaŭ malluma mistero. Samideanoj, mi elkore petas vin, helpu min trovi la solvon de tiu ĉi problemo. Skribu al: Heinrich Dresselhaus Lehrer, Schloss Holte 173 bei Bielefeld, Germanujo. Aldonu al la adreso: Bitte nachsenden.

*Katolikismo.* — Ne-katolikoj kiuj deziras informojn pri la katolika diservo povos ricevi ilin senpage de unu el katolikaj informoficejoj en Nederlando pere de l'korespondanto M. Goosens. Noblestraat 10, Brielle, Nederlando.

*Komercistoj atentu.* — Fabrikejo taŭga por fabrikado de artefarita silko aĉetebla. Senpaga liverado de akvo. Sin turni al D-ro John B. Primmer, Delegito de UEA, Cowdenbeath, Skotlando.

*Presado.* — Librojn kaj ĉion alian presas en plej bona aranĝo je prezoj malaltaj, presejo Arthur Berthold, Bahnhofstrasse, Frohburg in Sachsen (Germanujo).

*Privatoficistoj!* — Mi deziras ekrilatiĝi kun oficistoj kaj oficistaj organizacioj en ĉiuj landoj (krom Ĉeĥoslovakio) por interŝanĝo de opinioj ktp. Speciale kun kolegoj el ministra kaj metalfandeja branĉoj. J. K. Kosina, Praha XII, Vocelova 4, Ĉeĥoslovakio.